# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

Okt-Nov-Dec
2006



# LKK: 30-jara !

n° 120

ISSN 0398-5822 4,40 €



Neniam ni ĝojis pro malapero de gazeto...

Bedaŭrinde, multaj dronis de 30 jaroj...

Feliĉe, pluraj ekfloris:
La Gazeto - Monato
Komencanto - Fonto...



Ne ekzistas libereco sen multkapa gazetaro...



# iam, en mezepoko

**Ĝest-kanta Bild-Deliraĵo Far Sir'**

















La KancerKliniko
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

lkk@free.fr

N° 120
Oktobro/nov./dec. 2006

Ĵak Le Puil
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR80 3004 1000 0112 7297 3x02 063
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto:**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Laŭrenco Septier**
**Ionel Oneț**
**Michel Duc Goninaz**
**Manuel de Seabra**
**Arnau**
**Ŝarlerik d'Arroi**
**Peter Browne**
**Mi**
**Johan-Luko Tortel**
**Stefan Maul**
**Gŭendolina**
**M.K. Jones**
**Vito**
**Gennadij Turkov**
**Hu Guozhu**
**Kon Fu Zita**
**Fra Gaeta**
**Paŭlo Moĵajev**
**Armela**



# Kaj nun, kio do?
## (kiel oni diras en Kioto...)

Kaj nun, kio do? Ek al la 40-a datreveno, kompreneble! Fakte, ni ne deziras tro rapide aperi sur nia kovrilpaĝa monumento. Multaj gazetoj baraktas por pluvivi, pro manko de abonantoj. Plej ofte ne la enhavo respondecas, sed ja la aĉetpovo de laboristoj/emeritoj, kiu ŝrumpas de jaro al jaro. Tial ni aparte dankas tiujn, kiuj ebligas la sendon de la gazeto al nepagipovaj homoj.

Denove jen koloraj kovrilpaĝoj, dank' al iu mecenato. Ĝuu ilin, kaj ne preterlasu Julo-donacojn!

Omaĝon al William Auld vi trovos en mia Kuracoservo, ĉar ja tiu evento superas multajn aliajn. Septier plu memoras pri ĉinaj travivaĵoj. Dank' al Duc Goninaz vi povos lerni la polan, la francan kaj la rusan lingvojn. Manuel de Seabra denove klerigos vin per pliaj poemoj (kun 17 piednotoj!). Arnau *Ame kaj libere* dediĉas sian *Grava Rava Amo* al la 30-jariĝo de "K.K"....

Revu pri belaj insuloj kun Ŝarlerik. Poŝtelefonu kun Peter Browne aŭ akompanu lin en Verakruco. Post X (vd. n-on 118) jen mi (kio povus veni poste?...). Eklegu gazetojn kaj komunikojn en LKK-bis, legu librojn (ja ja pensu pri Julo, Jarfino kaj ĉiuj festoj de l' jar'!). Enigmu kun CMC de Tortel, emociiĝu kun la gratularo de Stefan Maul, Gŭendolina kaj Arnau. Nun lernu la usonan dank' al M.K. Jones, kunbatalu kun Vito kaj frandu niajn leterojn.

Jen niaj poetoj, Basyô tra Turkov, Hu Guozhu kaj Fra Gaeta. "Io ajn" pluvivas kun Kon Fu Zita. Aĥ! mi forgesis: bonvenon al nova kunlaboranto, Paŭlo Moĵajev, kiu brile tradukis ĉapitron de Taraso Bulbo de Gogol. Fine Arnau havas problemojn kun la manoj. Laste alvenis Idioto tra Oneț...

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo

# La Kuracoservo

## *Ĵak Le Puil*

**Nur kvin viroj kiuj soldatiĝis** dum la unua mondmilito plu vivas. Almenaŭ en Francio. El tiuj kvin, Louis de Cazenave, 109jara, bone memoras tiun buĉadon. "En 1916, ni estis junaj patriotoj kaj entuziasme foriris al batalo. La francajn kaj germanajn popolojn oni instigis al reciproka malamo. Ni preparis nin al milito, sen ĝuste scii kial, sed ni ja estis pretaj." Surloke ne estis la sama ario... La plej freneza batalo, kiun li partoprenis, en 1917, kostos la vivon al 150.000 kunuloj! Mirakle li eskapos senvunda el la bataloj.

Iam li kolere diris al siaj filoj: "Ne parolu pri 'figermanoj'. Vi devas nomi ilin germanoj. La francaj kaj germanaj soldatoj estis manipulitaj. Amaso da homoj estis senditaj al morto pro la stulteco de altranguloj. Estis nur buĉado, kiu utilis al nenio kaj milito denove ekis en 1940. Ili ĉefe ebligis al la armilaj industrioj gajni monon, en Germanio samkiel en Francio." Do vi komprenis ke Louis de Cazenave iĝis konvinkita pacisto. Kaj tiun fojon la ĵurnalistoj ne permesis al si malaperigi la pipon, kiun la 108jara (ja la foto datumas de novembro 2005!) savito firme tenas en sia buŝo...

Ĉar hieraŭ mortis unu el la 5 savitoj, modifu mem la supran titolon!

**Augusto Pinochet, nur 91jara** ĵus estis arestita – sed ne enprizonigita – pro torturoj kaj "malaperoj" en Villa Grimaldi, fifama sekreta prizono de l' militista reĝimo. En sia prigardita rezidejo li havos tempon por korespondi kun siaj bonaj amikoj, kiel Margaret Thatcher, legi gazetojn kaj informiĝi pri la sorto de aliaj diktatoroj, kiel Saddam Hussein kaj dank' al konsiloj de spertaj kuracistoj havi esperon vivi tiel longe; kiel nia supra savito.

**Mortis William Auld**, la 11an de septembro, 82jara. Se tion vi ne jam scias, certe vi legas nur LKK-on kaj rilatas kun neniu esperantisto! Omaĝojn mi legis en multaj gazetoj. Ofte iom tro doktaj. Plej ofte limiĝantaj al la aŭtoro de la Infana Raso kaj al lia kanditatigo por Nobelpremio. Eble la plej legindan omaĝon verkis István Ertl en *La Ondo de esperanto* de oktobro. Per unu frazo oni iras de la poeto al la homo: "Rekte, mi havis bonŝancon sperti lin nur unu fojon, en Roterdama vespero, kiu kun viskio rapide fariĝis nokto..."

Armela kaj mi ne havis tiun ŝancon, sed mi memoras pri ne tristaj kontaktoj, i.a. en la U.K. de Antverpeno, kie post nia (La trupo de la Ruza Kruĉo) pastiĉo de la ĉefa teatraĵo, William Auld diris, ke li preferis ĝin al la originalo. Lastan rektan kontakton ni havis en la U.K. de Prago, antaŭ dek jaroj. Li tiam jam ne tre bone fartis, sed ĉirkaŭ glaso da biero ni longe babilis. Mi memoras lian amarecon, kiam li diris, ke jam multaj homoj tute ignoras lin...

Lastan leteron ni ricevis en 1999 – kun granda foto, kie li staras apud foto de Zamenhof, en la urba muzeo de Dollar, kie li organizintis tri-monatan E-ekspozicion – kie li parolas pri sia korpoforto kiu ne estas "normala", kaj li aldonas: "... ĉeesto en kongresoj estus tro laciga, kiel mi jam konstatis en Prago: Meta (lia edzino) serioze timis, ke mi ne travivos tiun sperton, kvankam feliĉe (?) la timo pruviĝis senbaza."

Al LKK li kunlaboris neregule, sed laŭ rapidaj traserĉoj, de la numero 18 ĝis la 74-a, li 13foje nutris nian Klinikon. Li sciis, ke tabuojn ni ne havas, kaj tial li ne hezitis sendi erotikajn aŭ maldecajn aferojn. Jen el *La balo en Kerimjur'* (tradicia skota kanto):

*Kaj post la balfiniĝo*
*Jen laŭdoj en kaskad'*
*Bonegis la muziko, sed*
*Plibonis la fikad'!*

Kaj jen, en la numero 22, strofo de Soneto erotika de Giorgio Baffo (1771):

*Mi dum la meditado min demandas,*
*kiel sanktuloj ĝuas en ĉielo*
*sen la kojnoj, sen la kacoŝvelo,*
*sen piĉo, kiun ili fike frandas.*

En la numero 27, Serge Sire faris mirindan portreton de Auld, kies kapo plenplenas de nudaj virinoj. En respondo "Dankon al Serge Sire", nia poeto komencas per:

*Auldula kap' cinika,*
*kies ŝatata temo*
*arti- kaj grati-fika*
*ja estis volup...temo,*

*en retro-perspektivo*
*demandas kun ĉagreno:*
*kial, se daŭras ivo,*
*ne indas plu la peno?*

Por nia deka datreveno, li verkis amaran novelon "Antonia". En la numero 57 li respondas al Bernard Golden, kiu akuzsi lin pri iu mistraduko... En la numero 66 li verkas recenzon de nia unua traduko "Florville kaj Courval" de la markizo de Sade. Ĉar Auld tute ne aprecis tiun novelegon, ni titolas lian recenzon "Masoĥisma recenzo"... Li laste kontribuos en la numeroj 71, 72 kaj 74 per tradukoj, i.a. pri esperantistoj en Toronto...

**Vilĉjon** ni ne pretas forgesi...

***

**Datreveno de la batalo de Hastings**. 3200 kretenoj kuniĝis por "historia reludo" de tiu buĉado - ili tiam estis 15.000 - okaze de ĝia 940-a datreveno. Halebardojn hatas helaj bardoj!...

# Ĉinaj memoraĵoj (2)

*Laŭrenco Septier*

Mi memoras pri Yangshuo, ne malproksima de Guilin sed malpli kosta por la malriĉaj turistoj. Bedaŭrinde, malriĉaj turistoj tiutempe ofte estis hipioj k.s., kaj ili manĝis malriĉan internacian “gastronomion”. Tial, anstataŭ tiom bonajn ĉinajn pladojn, oni pli facile trovis “pancakes”,“french fries”,"hotdogs" kaj aliajn kolbasojn aŭ hamburgerojn. Tamen la pejzaĝo ja restis ĉina, feliĉe !,

Mi memoras denove pri Yangshuo, kie en la bazaro troviĝis du-tri etaj restoracioj ne por hipioj sed por Ĉinoj, iam ni ĉi-tie mendis anasaĵon, ni atendis kelkajn minutojn kaj subite ni aŭdis “Kvakkvak !”. Nedubeble la anasaĵo estis tute freŝa,

Mi memoras, ke ni iam vojaĝis kun amikoj, kiuj nepre volis “vivi kune kun la ĉina popolo kaj sperti la popolan vivon”, bedaŭrinde ili estis vestitaj kiel usonaj turistoj,

Mi memoras l’ unuan fojon, kiam ni uzis ĉinan trajnon per ni mem -, sen ĉiĉeronoj - en la t. n. “malmolaj sidlokoj” (3-a klaso) : neniam kaj nenie mi vidis tiom da malpureco, ĉiuj kraĉis, ĵetis ien ajn (ankaŭ tra la fenestroj) malplenajn botelojn kaj skatolojn, malpurajn paperojn, grasajn rubaĵojn. De tempo al tempo virinoj el la kompanio, kvazaŭ dancantaj je la sono de iomete militista muziko, ĉion kolektis kaj metis en sakojn, poluris per balailoj kaj akvo, sed ve, du minutojn poste ĉio estis denove nekredeble malpura,

Mi memoras, ke ĉijare (2006) ni plurfoje uzis trajnon, kaj ni spertis la samon, ekzakte same, eble ne entute: la muziko estis malpli forta, malpli militista,

Mi memoras, ke kiam mi "batalis" en ekstremmaldekstraj movadoj, mi foje sonĝis pri la vivo de Mao en Yan’an kaj tre ŝatintus iri tien, sed tiam mi ne sciis, ke en 2006 mi “ruĝe turismos” kaj, kune kun multe da Ĉinoj, mi efektive vizitos Yan’an. Mi konfesas, ke tio estis iel emociiga, malgraŭ kaj pro Mao, krome mi tre ŝatis la etoson de ĉi-urbeto,

Mi memoras, ke ĉiufoje, kiam ni manĝis melongenojn ni estis ege surprizitaj. Ĉiam ili estis freŝaj, do nekuiritaj, kaj post nur kelkaj minutoj la kuiristo alportis al ni ion nekredeble mildan, delikate molan. Mi longe provis same kuiri, neniam sukcesis,

Mi memoras, ke en publikaj parkoj ofte estis pluraj vidindaj aferoj, ekzemple specoj da “muzeoj” protektitaj per simplaj kurtenoj, kie oni povis vidi nekredeblajn aferojn iomete Frankenstein-aspektajn, probable venintajn el natursciencaj muzeoj detruitaj dum la t.n. “Kultura Revolucio”, ankaŭ iomete maljunajn kaj rustajn - tamen funckiantajn, mi provis! - karuselojn. Mi ne primokas tion, fakte mi tre ŝatas, tio memorigas min pri miaj junaj jaroj en la pariza ĉirkaŭurbo,

Mi memoras, ke plurfoje ni vidis tre maljunajn virinojn, kiuj tre certe dum la junaĝo havis la piedojn bandaĝitajn, ĉar ili efektive ankoraŭ nun havis etajn piedojn kaj marŝis malfacile,

Mi memoras, ke multajn fojojn en la 90-aj jaroj ni devis kvazaŭ barakti kun taksi-ŝoforoj, kiuj ne volis uzi la taksimetron kaj proponis frenezajn prezojn (foje 100-oble pli ol la “vera” prezo), tiam uzi taksion estis tre nervoziga afero kaj tial ni uzis la tiom maljunajn, tiom malkomfortajn, tiom malrapidajn busojn, sed nuntempe ĉio-tio ŝanĝiĝis kaj uzi taksion estas tre facila kaj malmultekosta, tamen paroli iomete da ĉina lingvo ebligas ŝpari kaj tempon kaj monon,

Mi memoras, pri busoj, ke iam mi legis en “China Daily” (anglalingva “oficiala” taggazeto), ke la planko de iu buso en Pekino estis tiagrade malnova kaj eluzita, ke, kiam la buso ekiris, ĝi falis teren kune kun la vojaĝantoj, feliĉe ne estis vunditoj,

Mi memoras, denove pri tiutempaj busoj, la plankoj estis tiagrade rustaj kaj truitaj, ke tre junaj infanoj (kun la tradicia truita pantalono) pisis tra la truoj rekte sur la ŝoseon,

Mi memoras la Honkongan “revenon al Patrio” en 1997, ni speciale iris por vidi ... preskaŭ nenion, kvankam ni spektis du tre impresajn piroteknikaĵojn, unu “antaŭ”, unu “post”. Ni loĝis en hotelĉambro modesta sed tre multekosta (la normala prezo dekobliĝis dum tiuj 3 tagoj!), el kiu eblis vidi la straton,

kiun la ĉina armeo uzos la matenon post la "reveno al Patrio", kaj kiam ni ellitiĝis iomete malfrue, ili jam delonge estis for, ni vidis nenion, tamen la etoso estis tre stranga,

Mi memoras pri la matenmanĝoj en Honkongo, Macau (Makao) kaj Guangzhou (Kantono), tiom multe da popolo en restoracioj, tiom da bruo, ĉiuj krias, tiom da variaj "dianxin", t.e. vaporkuiritaj aŭ frititaj etaj manĝaĝoj, kiuj estas laŭtvoĉe proponitaj de virinoj, kiuj puŝas specialajn rulantajn ĉaretojn, ĉiu havas ion malsimilan de l'antaŭa kaj de la sekvanta, vi povas veni dek fojojn vi neniam same manĝos,

Mi memoras pri la nokta vivo en Honkongo, tiuj surstrataj restoracioj, kie ni ne volis manĝi ĉar ni timis pro l' higieno, kaj l' unuan vesperon senpripense ni sidiĝis kaj ekmanĝis tiom bone, tio estis nia unua manĝo en Ĉinio, en 1986,

Mi memoras pri l' operoj kantitaj en simplaj surstrataj barakoj ĉirkaŭ la nokta bazaro,

Mi memoras, ke ni volis viziti ĉiujn templojn, ĉu budhistajn, ĉu taoistajn, ĉu konfuceistajn - kvankam ni ne kredas je iu ajn dio -, sed la koloroj, flavaj kaj ruĝaj, la odoro de incenso, la tiommultnombraj statuoj, ĉio tio estis tiom stranga kaj bela - aŭ malbela, mi ne scias -, sed mi ŝatas tiun etoson, tiun odoron,

Mi memoras, ke en Wutaishan ĉi-jare estis multege da tibetaj monaĥoj en lamaista templo, ni restis iom da tempo por vidi la ceremonion, iu el ili parolis iomete la anglan, kaj petis min : "Ĉu vi estas Ĉino" ? - tio fakte, iel, tre plezurigis min, mi ekdisdonis vizitkartojn, ĉiuj volis kapti,

Mi memoras, ke mi aĉetis botelon da ruĝa vino ĉar mi pensis, ke ili ne havos en ĉi-vespera eta restoracio. Mi tamen petis la virinon, ĉu ili havas, ŝi respondis jes kaj revenis tri minutojn poste, kun la sama botelo same aĉetita en la sama apuda butiko. Mi do ne montris mian, ni ridegis kaj ni trinkis ĝin en la hotelo la morgaŭon,

(Daŭrigota)

# IDIOTO

Bonaj patriotoj estas idiotoj; bonaj patriotoj bugras la landon.

*En ĉiu tago, je ĉiu momento, almenaŭ unu patrioto fekas sur la sanktan grundon de la nacio sen pensi dufoje.*

Pastroj estas idiotoj; ili scias nenion pri religio.

*Ni devas instrui ilin pri tio.*

La ekzekutistoj ĉe la koncentrejo Breendonck estas idiotoj; ili tute ne havas imagivon.

*Ekzemple, ili povintus igi siajn viktimojn rigardi al si mem en la spegulo.*

Evidente, ankaŭ vi, leganto, estas idioto.

La policanoj protektas vin (aĉe), sed vi suferas (aĉe).

La cetero estas merdo.

Produktis René Magritte kaj Marcel Mariën.
Al Esperanto adaptis Ionel Oneț



**Por abolo de taŭrbatalo en Francio**, subskribu antaŭ la 31-a de decembro la peticion de CRAC (Komitato radikale kontraŭ taŭrbatalo), BP 10244, 30105 Alès Cedex, Francio.
anticorrida.crac@tiscali.fr
<www.anticorrida.com>

## El la litero M de mia PIV (Persona Imuniga Vortaro)

***Michel Duc Goninaz***

**MERITO** (aŭ : kiel ĉion perdi). Kiuj pretas foroferi liberecon por ricevi sekurecon, tiuj meritas nek la unuan nek la duan. Kaj certe ili perdos kaj unu kaj la alian (Thomas Jefferson).

**MUNKENO** (aŭ : kiel ĉion ricevi). Inter milito kaj malhonoro ili [Britio kaj Francio] elektis la malhonoron. Ili krome ricevis la militon (Winston Churchill).

# El la taglibro de nekuracebla optimisto (sekvo)

**aŭ "Je chante soir et matin"** [mi kantas vespere kaj matene] **(Charles Trenet)**

***Michel Duc Goninaz***

**la 10an de oktobro 2006.** Mortis Marek Grechuta. Plu ŝvebas liaj kanzonoj en la kapoj de tiuj, kiuj travivis la jarojn '70 kaj memoras, ke "ważne są tylko te dni, których jeszcze nie znamy" [gravas nur la tagoj, kiujn ni ankoraŭ ne konas].

**Hodiaŭ.** Iuj personoj sin demandas, kiel mi povas esti senĉesa kaj neŝancelebla optimisto. La respondo estas simpla: la vivosperto instruis al mi paciencon. De 1940 ĝis 1945 mi, kune kun multaj miaj samtempuloj, atendis la eventojn de la jaro 1945, ne sciante en kiu preciza jaro ili okazos. Kaj ili okazis. Mi ne deziris "venkon". Mi lasas ĉi tiun vorton al la stultuloj. Ĝi odoras pozitive, honorinde, glore. Ne — mi deziris malvenkon, detruon, neniigon de la fiuloj. Tio sonas malpli pozitive, honorinde kaj glore, sed pli kontentige por mia tiama infana psiko. Eble tion povas kompreni mia samaĝulo Pierre Perret, kiu skribis en sia aŭtobiografio ("Le Café du Pont"): "Dum la jaro 1945 ĉies bonhumoro kontaĝe naskis ĝojegon kaj festadon, en kiuj partoprenis kun senbrida entuziasmo la tuta lando — escepte tamen de la "kunlaboj" [la kunlaborintoj de la nazioj] kaj "milicanoj" [anoj de la faŝistaj taĉmentoj, batalintaj kontraŭ la rezistantoj]". Sed eble vanas tion klarigi al homoj, kiuj ne havas la saman vivosperton. Ni parolu pri okazaĵoj malpli foraj:

**la 1an de januaro 1957.** Trovi iun donacaĵon en Moskva magazeno ne estas simple. Mi sukcesis aĉeti skatolon de (kaj eĉ da) kanditaj fruktaĵoj por mia amikino Elena G., litova studentino, mia sametaĝanino en la studenta loĝejo de la Moskva Ŝtata Universitato. Nin ekligis amikeco, tuj kiam ni konatiĝis en la komenco de la studjaro. La frandaĵoj prezentiĝis en tri vicoj po unu koloro, laŭorde : ruĝa, verda, flava. Ŝi malfermis la skatolon, dankis pro la donaco kaj rimarkigis : "Min aparte kortuŝas, ke tiuj dolĉaĵoj reprezentas (kvankam nevole!) per siaj tri koloroj la flagon de la iama, sendependa Litovio". Mi konsternite konfesis al ŝi la veron, nome ke tion mi nek intencis nek rimarkis. Se bone pripensi, mi ja vidis iam, en malnova enciklopedio, tiun flagon, sed mi ja ne pensis pri ĝi, dum mi elektis tiun skatolon. Cetere, provu fari veran elekton en sovetia magazeno! Decidis io aŭ iu alia, kion aŭ kiun oni povas nomi per la vorto "hazardo" aŭ laŭplaĉe per alia. Ŝi do konkludis, ke min gvidis iu bonfara hazardo. Sed ŝi tuj aldonis amare: "Nu, kompreneble, tio apartenas al la pasinteco". Kompreneble. La sendependeco de Litovio, kiu daŭris dum historie sensignifaj dudek jaroj, inter du mondmilitoj, apartenas al la pasinteco. Litovio apartenas por ĉiam al Sovet-Unio, kaj ĝia efemera flago, pri kiu nostalgias kondamnindaj "naciistoj" (la tipa stalinista akuzo) restos videbla nur en eksmodaj enciklopedioj. Tiam, por iom mildigi la amarecon de tiu ŝajne realisma konstato, mi rebatis : "Tio povas aparteni ankaŭ al la estonteco". Mi ne kredis racie tion, kion mi diris. Mi volis nur diri: "Ĉio eblas. Oni neniam devas konsenti kun la nuno". Bonkora inklino al konsolo? Konstanta emo al provoko? Tiuj du motivoj senkonflikte kunvivas. Kompreneble, mi ne rivelis la daton de la estonta sendependiĝo de Litovio. Mi ne estas aŭguristo. Nur optimisto.

**Ekstertempe** : pri la uzo de la vortoj *aprobi, kondamni, protesti* ks, kun psikiatria ekspertizo pri ties uzantoj.

Supozu, ke vi ricevas leteron kun la jena enhavo :"Estimata, mi sendas al vi la monon, kiun mi al vi ŝuldas", sed la anoncitan monon vi ne ricevas. Vi prave opinios, ke la situacio ne estas normala. Se krome post via atentigo la skribinto respondas, ke li plu ŝuldas al vi nenion, ĉar li ja anoncis la repagon, vi juĝos lin cinika fripono. Tamen tiajn agojn vi ofte akceptas. Ekzemple, iu skribas al vi "mi sendas al vi mian sinceran saluton". Vi ne reskribas, ke la saluton vi ne ricevis. Vi ĝin ricevis, ĉar ĝin konsistigis la frazo "mi sendas ktp". Tion rimarkis la lingvistoj antaŭ kelkaj jardekoj danke al la verko de J.L. Austin "How to do things with words", kvankam tiun proceduron iniciatis antaŭ multaj jarcentoj la plej primitivaj sorĉistoj, magiistoj kaj ŝamanoj.

Tiu procedo pli kaj pli bone fartas en la racia kaj progresema 21a jarcento. Konforme al la antaŭvidoj de Guy Debord, la spektaklo anstataŭas la vivon kaj ĉiu averaĝa ajnulo faras sorĉistajn deklarojn, kiuj anstataŭas agojn, forvaporiĝintajn en la virtualecon.

Antaŭ kelkaj jaroj, iu LKK-ano, kiu ne konsentis kun unu mia eldiro, deklaris : "mi tion kontestas". Nu bone, mi pensis, la kontesto (t.e. kontraŭaj argumentoj, kritiko de mia erara analizo kc) aperos en la venonta numero. Mi ankoraŭ atendas ĝin. La aŭtoro de tiu frakasa deklaro certe opinias, ke li ja kontestis, ĉar li diris, ke li kontestas. Li probable intencis diri, ke li ne havas la samajn ideojn, kiel mi — kio estas plumpa pleonasmo, ĉar mi estas mi kaj li estas li.

Plej amuza (se esprimiĝi optimisme) estas la uzado de verboj, kiuj normale havas sencon, por esprimi purajn fiktivaĵojn. Se, dum iu asocia kunveno, mi (mal)konsentas kun ies propono, mi povas deklari, ke mi ĝin (mal)aprobas. Tiu deklaro havas sencon, ĉar ĝi povas havi realajn konsekvencojn: mia vidpunkto ja influos la komunan farotan decidon. Sed, se iu ago, pri kiu mi ne povis kundecidi, estas jam plenumita kaj eniris la Historion, mi estus nur perfekta klaŭno, se mi ĝin "(mal)aprobus", simile al iu, kiu venas al la balotejo, kiam oni jam elkalkulis la voĉdonojn. Same, la nocio "protesto" povas esti oportuna koncizigo de diversaj okazaĵoj fare de ekstera observanto (ekzemple ĵurnalisto, kiu skribas pri la realaj agoj de realaj ribelantoj, ke "**ili** protestas kontraŭ la regantoj"). Sed kiam iuj uloj deklaras senage : "**ni** protestas", ili nur rivelas sian senpovecon, ĉar ili anstataŭigas agojn per vortoj. Kaj tiam la objektiva ĵurnalisto devas skribi ne : "ili protestas", sed : "ili deklaras, ke ili protestas". Ĉar tiu fiktiva protesto konsistas el deklaro, la priskribita situacio similas al la spektaklo de serpento, mordanta sian voston.

Plej laŭmoda estas la verbo "kondamni". Ĝi estas bona ekzemplo de la maniero, kiel oni iras de stulteco al fieco. Kondamni povas nur tribunalo. Ne gravas, ĉu ĝi estas laŭjura, revolucia, improvizita ktp. Gravas, ke la decido "ni kondamnas vin je (tiu aŭ alia puno)" estos aplikita, nome, ke la vorto "kondamni" ne restos nur vorto (aŭ rezolucio de UN). Se mi side en mia brakseĝo, deklarus, ke mi "kondamnas" la politikon de tiu aŭ alia registaro, dum mi havas absolute nenian povon apliki al ĝi la adekvatan punon, mi estus nur mensa malsanulo, kaj se mi farus tion kune kun aliaj — "**ni** kondamnas ktp" — "ni" estus bando da debiluloj. Sed la uzo de tiu vorto ne koncernas nur senprestiĝajn individuojn, laŭokazajn peticiantojn aŭ kongresajn papagojn. Oni aŭdas ĝin fare de regantaj politikistoj. Kaj tiam ni forlasas la terenon de la stulteco por eniri tiun de la fieco. Tiuj politikistoj ja regas en landoj, kie ekzistas leĝoj kaj tribunaloj. Kaj la juĝistoj scias, kion kaj kiun ili devas kondamni. Neniu alia rajtas tion fari anstataŭ ili. Kiuj rajtas kondamni, tiuj kondamnas aŭ ne. Sed tiuj, kiuj ne rajtas kondamni (ekzemple, ŝtatestroj, ministroj ks), esprimas kondamnon, kvazaŭ ĝi estus opinio. Ekzemple, okazis atenco. Oni anoncas, ke "la registaro firme kondamnas la atencon" ktp. "Kondamni" ion, kio laŭ la kriminala kodo estas kondamninda, estas nek tre inteligente, nek tre kuraĝe. Ĉu la komuniko "la registaro entuziasme aplaŭdas la atencon" estas ebla? Pli ol dubinde, ĉu ne? Sed kion valoras esprimo de opinio, kiam mala opinio estas neebla (kiel proksimume rimarkigis Sankta Gregorio de Nazianzo en la 4a jarcento)? Ni dronus en plena absurdo, se la celo ne estus evidenta: kredigi al ĉiuj, ke pri iuj aferoj nur unu opinio estas ebla, konduki nin ĉiujn en totalismon, kian eĉ Stalin ne sukcesis firme establi.

Iom pesimisme, ĉu ne? Sed la optimismo ekzistas ĝuste *pro* la neevitebla pesimismo. "Ах, нынче, наверное, что-нибудь произойдёт" [Ho, hodiaŭ, verŝajne, okazos io], kiel kantis Bulat Okudĵava.

******

Piednoto por Marsanoj. La menciitaj kanzon-aŭtoroj estas respektive : Charles Trenet kaj Pierre Perret, francoj; Marek Grechuta, polo; Bulat Okudĵava, ruslingvano. El ili nur Pierre Perret ankoraŭ vivas.

Manuel de Seabra

# PLIAJ POEMOJ DE "ĴURNALO"

14
Ŝakirun havas patrujon
brueman, frustraciitan, kiun li ne kompremas.
Ch'u Tzu diris al Ts'e-Kung:
"La Reĝo sendis iun por spioni vin,
por vidi ĉu vi estas diferenca de ĉiuj aliaj."

15
Tamen oni scias
ke la sukceso dependas nur
de agnosko de la diferencoj Inter la homoj.
Ĉu honorante idioton
kaj humiligante talentulon
oni konstruas prosperajn naciojn?"

16
Kaj pri la sentalentaj talentuloj?
Meng K'e: "Konfuceo havis problemojn
en la regiono de Ch'en kaj Ts'ai
nur ĉar li ne havis amikojn en la Kortego."

Kaj plie: "Se la tirano de Ch'i falas
kun li falas ĉiuj liaj malamikoj,
ĉar nur tiam ilia talentomanko
montriĝas."

17
Ĉar la granda malamiko de la talentulo
ne estas la Reĝo de Ch'i aŭ de Chu
nek la stultaj amasoj
sed la sentalenta talentulo.
"Kion tio signifas?" demandis Kung-sun Ch'ou.

18
Kvazaŭ Jaso[29] en la perfida Ponto
la giganta Kosmhotelo tradukanta
al realon kaj vero
anhelon revon.

En lia senfina rigardo
kion eble pensis Jevgeni Ĥrunov[30]?
Ke Alpha Centauri[31] estas Venusa larmo?
Aŭ ke pagis la penon la vivo de Acilius Glabrio[32]?

19
Trans la Diggers la sonanta monaro
Trans la marŝoj la prudenta knarilo
Kiu kantas *laudeator tempori acti*[33] kaj gestumas
demente

Trans la retino la kontenta morto
Trans la ofico la kontenta cerbo
Trans la emeritiĝo la fraŭda morto
kiu ne atendas, tute ne atendas nin

20
Miaj fratoj de Ûesto,
la dio-vorantoj,
sendas ofte al mia soleco
alian pasian turmenton.

Kaj mi rifuĝas
en mian lotuson
- mensa ŝildo
kaj silento.

21
Foje mi pensas pri Homero
kaj Agamemnono.
Multaj personoj pensas ke mi devus pensi prefere
pri Alkibiabo
aŭ pri Sokrato peripateta[34] kaj katamito[35]
kaj ilin kompari kun la dekadenco de la Brita
Imperio
sed mi preferas pensi pri Antenoro kaj Akilo
kaj pri mondo kun morgaŭo
ne nur rigardi malantaŭen aŭ sin mem.

22
Ĉi subtera tubo
nia *secondo regno*[36] longa kaj fatala:
anstataŭ Bismantova kaj Sanleo kaj Noli,
Clapham Common, Clapham South, Stockwell,
Oval
kaj la olda jamajkanino antaŭ mi
frotanta la manojn uzitaj
de laboro kaj nebulo.

23
*You can't fight City Hall*
Vi mem estas City Hall[37]

24
Dume, kiu vestas la flavan robon?
Estas baloj kaj petromizo
kaj larmoj
kaj bovinaj okuloj (malmultaj
homoj alvenas al la alia marĝeno).
Ni estas nur produkto
de niaj agoj (Karl Marx?)

25
Kun Circo ili estas sklavoj
sed kun ni ekzekutistoj.

En ĉi tiu Ajaja[38]
Euriloko[39] regnas.

26
Mi vokas
egiptanojn el Baĵa[40],
jemenanojn el Sankta Braz[40]

al depozicio:
ke niaj alarmoj
saĝon al ni portu
ne barilon
antaŭ la morto.

Vi vokas min al peko,
oh Vino,
kun bufona animo
Kaj Ibn Hammar[41]!

Endovelico[42], amen!

27
*Literarum studiis*
*vellen insudare,*
*nisi quod inopia*
*cogit me cessare.*

(vagantes dixerunt[43])

28
"Mi konfesis memvole[44],
ke mi kaŝe pensis,
al neniun manifestanta,
ke la aŭda konfeso
ne multe gravas
kaj sufiĉas la ĝenerala antaŭ Dio,
kaj pro tiu eraro
mi petis pardonon al viaj moŝtoj.
Sinjoroj, mi estas tiel malsana,
kaj ne de nur unu malsano, sed de tri kiuj estas:
kapturniĝo, renoj kaj skabio,
kvazaŭ speco de lepro,
kaj iu ajn vidanta min
kompatus min
Mi petas al viaj moŝtoj
ke oni liberigu min frue
por ke mi povu kuraciĝi hejme
kaj altrudu al mi pentofaron
kiu laŭ via opinio mi meritas."

(Destino, marku min per iu malbono:
mi ĝin suferos trankvile, sed mi vivas
inter filistroj: ne marku min
por esti poeto, ne tion faru, ne.)

Damião de Goes mortis la 30an de Januaro de 1574
en gastejo
kiam li reiris hejmen,
liberigita malgraŭ kondamno
je konfisko de ĉiuj liaj havaĵoj
kaj porĉiama penta karcero,

29
Urbain Grandier[45]
estis bruligita
la 18an de Aŭgusto de 1634,
kaj por eviti ke en la lasta momento
li povus publike diri la veron, kisiginte al li krucifikson
la monaĥoj per ĝi pistis lian vizaĝon.

Nu, se al vi kongruas
mi estas luphomo
(*versipella*),
kaj vi certe trovos
interesatojn tion kredi.

*En Londono, 1963-1970*

---

[29] Ĉefo de la ekspedicio de la argonaŭtoj al la Pontokio en lia epoko ekvivalentis al spaca ekspedicio.

[30] Kosmonaŭto partoprenanta en Sojuz-5ª ekspedicio kun Boris Bolinov kaj Aleksei Bisei.

[31] La plej brila stelo de konstelacio Centaŭro.

[32] Romiano kiu afektis frenezecon por ke la imperatoro Domiciano konsideru lin politike sendanĝera.

[33] (latine)Fino de verso de Horacio, parolanta pri la manio de maljunuloj ĉiam paroli pri la supereco de la paseo rilate al la nuno.

[34] Lernado promenanta kiel en la Aristotela skolo.

[35] Samseksemulo.

[36] La purgatorio en la "Dia Komedio": *E canterò di quel secondo regno,/ dove l'umano spirito si purga...* Purgatorio, I, 4-5. Bismantova, Sanleo, Noli estas lokoj de la vojo al Purgatorio en la "Dia Komedio": *Vassi in Sanleo, e discendesi in Noli; (montasi su in Bismantova e 'n Cacume / con esso i piè, ma qui convien ch'om voli...* Purgatorio, IV, 25-26-27.

[37] (angle) Vi ne povas lukti kontraŭ la Urbodomo.

[38] En "Odiseado", Mediteranea insulo kie vivis Circo, kiu ricevis maristojn kaj transformis ilin en bestojn.

[39] Unu el la svatiĝantoj de Penelopo, la edzino de Odiseo

[40] Portugalaj urboj (hodiaŭ Beja kaj S. Braz) kies loĝantoj venis origine el Egiptujo kaj Jemeno.

[41] Antikva islama poeto el la nuna portugala provinco de Algarve.

[42] Antikva ibera (antaŭromia) diaĵo.

[43] Versoj de la "Exul ego clericus", anonima poemo de *Carmina Burana*. Jen mia provo ĝin traduki:
*La saĝo*
*estas mia ĝojo,*
*sed la mizero*
*deviis min.*
*(La vagantaj poetoj tiel diris)*

[44] Pecoj el leteroj de Damião de Góis, portugala humanisto, al la inkvizitoroj de Lisboa. Oni rimarku, ke liaj plej gravaj krimoj estis liaj rilatoj kun Erasmo, Lutero, Melanchton kaj aliaj eŭropaj intelektuloj. Lin oni ankaŭ akuzis pli estimi fremdulojn ol siajn samlandanojn kaj deklari ke tiuj estas malpli (tiel!) perfidemaj ol la portugaloj. La kvarverso estas traduko de sanskrita anonima poemo.

[45] Akuzita pri sorĉo, Urbain Grandier estis kondamnita al bruligado en Loudun. Unu el la multaj murditoj de la religio por konservi la ekskluzivon de la vero.

GRAVA RAVA AMO

ADIAŬ, MONDA PIĈARO! MI "ĜISOSTE" ENAMIĜIS AL FUNDAMENTA PIĈO ... SEKVE, MI REZIGNAS AL VI ĈIUJ !!




AH, AMATIN', MI TIOM ŜATAS SOLUMI KUN VI, VI PLENIGAS MIAN ESTON! LASU MIN, INTERŜANĜE, PLENIGI VIN PER MIA KACETO, KIU, PRO VI, JUS ADIAŬIS LA MONDAN PIĈARON!!

KIA RAVA AMO... ĈU DAŬROS ETERNE TIA?

CERTE, CERTE... NI AMBAŬ ETERNE KUNE PLEZURE AMORANTE!!

HEE, HOO! KIO SIGNIFAS NUN ĈI BORDELO? ĈU VI NE ASERTIS, PASINTBILDE, ETERNE AMINDUMI NUR MIN?!

ĜUSTE KARA, KAJ MI NE MENSOGIS, RERIGARDU LA ANTAŬAN BILDON, TIE JA EFEKTIVE MI DAŬRE -ETERNE- AMAS KAJ AMORAS VIN ... DO, KION MI DIRAS TIE, VERAS POR TIU BILDO,... ĈU MI KULPAS SE SUBITE NUN NI TROVIĜAS EN IU ALIA BILDO, PLI LAŬ LA GUSTO DE KANCERKLINIKO? JA UNUSOLA BILDO NE SUFIĈAS POR PLENIGI PAĜON (NEK VIVON, CETERE!)

ATENTU, TUTMONDA PIĈARO, JEN, MI REVENIS, LIBERE DENOVE, AMI VIN FOLE!

MALBONA NOVAĴO POR VI, FANFARONO, INTERTEMPE MODIĜIS EN TUTA MONDO SEKSUMI NUR DUOPE, EN PLENA FIDELO... DO, NENIU EL NI VOLAS NUN BAKANALULON!! AĈUL'! FORFIKIĜU DO, KAJ NUN KE VI 40-JARAS, CERTE LA INFERO DE DANTE BONVENIGOS VIN!

– AME KAJ LIBERE AL 30-JARIĜO DE K.K.

# Mara

## *Ŝarlerik d'Arroi*

"Elefant-man", en Londono, estas nur kino! La vera Homo-elefanto, je praaj tempoj, kreskis sur Tahitio. Ornamis lin kruro kiel ega diametre tridekcentimetra fosto, sur la tuta longo. ofte, ja liajn "aĵojn pri vivo" li devis porti sur ĉarmo. Ne ridu. Por tiuj kiuj metas sian tutan personecon laŭ la dikeco de siaj interkruraj familiaj juveloj, mi konsilas al ili serĉi filariozan kulon, sin pikigi de ĝi kaj atendi la kreskadon de la filarioj.

Tiu malsano montriĝas per limfangitoj kaj divers-lokitaj adenopatioj ofte kun alergiaj reakcioj. Poste vidiĝas limfaj varikoj kies rompiĝo provokas diversajn internajn aŭ eksterajn akcidentojn kaj precipe elefantiazon kiu lokiĝos ĉu en la skroto ĉu en la membroj. Oni flegas per specifika kontraŭparazitaĵo (dietil-karbamazino). Sed vi konas ĉiujn dolorojn kiuj postvenas tiujn ĥemiajn medikamentojn, la alergiojn, la postefikojn. Foto ne necesas.

Mi donas al vi la bonan kuracadon, laŭ niaj geavoj.

Kune, pistu fragmenton de Mara-ŝelo (tri poleksoj latere), saman fragmenton de Tiairi-ŝelo (Aleŭrito-molukano), kaj plie tri poleksojn de Pua-ŝelo (Fagraeo-berteriano).

Zorgu la dozologion! Sakra kaka sako! Ne tri poleksojn kaj duonon, fuŝulo! Kial ne la tutan manon, ĉu!. Pliagrabligu per planto de "Mahe" (Angioptero-evekto, estas ia filiko). Akvumu per nematura kokos-akvo oleita de dudek gutoj da "Monojo Ahi" (monoj = tahitia nomo de kokosoleo kiun oni parfumas per Ahi – Ahi = Santalum insulare = Santalo). Nun, ŝmiru viajn buletojn per tiu lavakvo. Vi eĉ povas trinki kuleretaĵon. Ne kuleregaĵon, estus manĝegemo.

Ja baldaŭ, vi rajtos je "De Profundis".

Mara-ligno estas vigle flava, tre belaspekta. Ĝi estas malmola, sonriĉa sed peza. Antaŭe ĝi utilis je farado de tamburoj. Ĝia ŝelo estas tre tanina.

La violonflankoj estas malfacile farataj per Mara, ĉar ĝi rompiĝas sur la kurbiga fero. Bedaŭrinde, ĉar la instrumentoj belaspektas dank' al orflava prenilo kaj flankoj el Mara. Por la supra tablo, miaj provoj ne estis favoraj.Sed ree mi ja provu.

La arbo belegas. Dika trunko, ja rekta, supreniras je bona alteco. Mi memoras konverson kun estro de muzik-konservatorio en Papeete. Li samtempe estris la kulturan oficon en la kultura kaj agrokultura Ministerio. Mi ne ŝercas. Ja miriga parigo. Tiu sinjoro posedis sur sia bieno, centjaran Mara-on. Li ne povis ĝin tranĉigi ĉar la arbo estas "tabua", do ĝia falo surteren malbenas.

Oni devus serĉi ĉe la praŭloj, la magiajn formulojn kiuj ekzorcis la sorĉaĵojn de la segilo. Mi ne scias. Ekzemple, ian "Liberame Domine"-on, je Maoria lingvo.

Puf! Puf! Ja estas vi kiu ĝin tranĉos.

Puf! Puf! Des pli malbone por vi. (sur buba muziko).

# Peter Browne

### Iuj tro tristaj ŝuoj

Jen ili, la oldaj ŝuoj.
Malaperis la posedant'.
Tro triste, trive, jam senfarbe
Kun polvo kaj kun ŝimo
Statas ili.
Ne senaj je truoj;
Tamen, mort-pezaj.

En mian bruston mem,
Jen ili premas.
Ho ŝuoj! Estas cia tristo
Tiu de la blatoj
Senvivaj tra la cikloj.
Al rubujo mi portu cin;
Trist-katenojn mi ĵetu abismen.

### Poŝtelefon'

Ho spaculet' kiom mi amas cin!
Putin' ci ne estas aer-onde
Nek naŭza insekt' metala
Agacanta la profesoron,
Vivujon kaj rondon liajn.
Ne: pri ulet' temas kara
Moderne klara: preskaŭ fianĉet'!
En kranio la cerb' aliula;
La mia en la spaculet'!

Frivol-vorte jen aŭroras mi
Vizaĝon smikante bele
Zorge, perfekte—nur por li!
Li? Ci! Mi spezas tro kredit-karte
ci-pere. Kio do? Mi estas plasta
silk-knabino, daŭre gaja,
per telefon', kiu ja elegantas,
plej glate belas,
kaj preskaŭ fianĉo estas.

### Filozofia hundo

Mi estas filozofía hundo.
Mirinda best',
Brune mi grandokulas
Kaj la mondon okulumas!
Flar-spuras mi
FOUCAULT-on, universitate.
Dume, la olda Lock pendadas,
Alte-aere.
Iometo da mefitostinko
--apenaŭ flarebla, tamen—
Al Schopenhauer kondukas,
Ho nepre!
En laget' jen Derrida,
Dronanta.
Putriĝ' de best' delonge morta
La spuron liveras pri Kant.
Kaj mi, ja Nietzcheana hundo,
La katojn mortigos kampuse.

# Vizaĝoj de Verakruco

*Peter Browne*

## Enkonduko

### 1. Kial, Kien, ĉi-tiu libro?

Kiam D.H. Lawrence ne verkis romanojn, li verkis vojaĝlibrojn. multaj aliaj konataj verkistoj faris same.

Vojaĝliteraturo havas signifan lokon kadre de la monda literaturo ĝenerale. La kvalito de libroj kiel *In Patagonia* (1977) de mondvojaĝanto Bruce Chatwin, atestas la aktualecon de la ĝenro.

Temas fakte pri daŭra, celkonscia tradicio, samkiel en la kreado de fikcio kaj poezio.

Laŭ la tradicio, vojaĝlibro estas spaco, spaco por vagado: tie oni povas etproze kaj senpretende komenti, filozofii, mediti kaj amindumi. Ene de kadro pli-malpli amorfa.

Vojaĝliteraturo ekzistas en Esperanto, foje ja altkvalita: ni pensas pri la libroj de Tibor Sekelj, aŭ, plej lastatempe, pri tiuj de Gilbert R. Ledon.

Tamen en Esperanto tiaspeca literaturo ne estas abunda. Kaj ni intuas, ke ekzistas por ĝi malsato en la internacia Esperantejo. Se ĉi-tiu libro povas iom kontribui tiuterene, despli bone. Se la leganto trovas ĝin interesa, ankoraŭ pli.

### 2. Prezentado

Ĉefe ĉi tiu libro prezentas serion da vivspertoj kaj impresoj. Nenion plu. Ne temas pri grandiozaj piramidoj, kvankam la aŭtoro vidis ilin, nek pri grandaj historiaj eventoj, kvankam la aŭtoro ilin konas. Temas pri ordinaraj lokoj, ordinaraj homoj, ordinaraj okazintaĵoj. Alivorte, la libro ne pretendas esti science antropologia, nek konvinke politika. Espereble la leganto trovos ene ion interesan etnografie, prihome, poezie, eĉ distriĝe.

Vinjetoj kaj notoj, nenio plu. Ili fontas el tri someroj, kiujn la aŭtoro duonvagabonde pasigis en la ŝtato Verakruco – tiujn en 1986, 1989 kaj 1991 jaroj.

### 3. Enkonduko al Verakruco

Meksikia ŝtato de la Golfo, kiu laŭlongas ĝin de Tampiko suden, ĝis atingi finfine la ŝtaton Tabasko. Tropikaj teroj prezentantaj vizaĝon tre siaspecan, foje pli sudamerikan ol meksikian. Vivoĝuo kaj disvolvo iom braziliaj.

Stranga kunekzisto de sovaĝeco, foje mortiga, kaj varma homeco, foje vivosava. La danĝeroj de kvazaŭa militzono kaj la malkovro de vera ampasio.

Lando samtempe forte italeca kaj forte indiĝena, kie la plej diversaj trajtoj kunvivas flank-al-flanke. Lando de grandaj brutbienoj kaj de mizeraj vilaĝoj, kaj de la plej rigora klaskonscio. Triamondeco kaj plejlasta teknologio.

Tropika fizionomio de granda beleco kaj varieco, sufiĉe por satigi sopirojn pri l' ekzotiko.

Frapego de smeralda verdverdo. Disfloro de pasia ĝangalo. Afrika savano.

Manĝaĵoj: freŝaj fiŝoj el la maro, abundaj fruktoj de la landinterno. Fortiga viando de la brutbienoj. La pasiiga fajro de diversaj kapsiketoj – verdaj, flavaj, kaj ruĝaj.

Homoj: okuloj ĉiele bluaj kaj onikse nigraj. Vizaĝoj rekte el itala Lombardio kaj el la antikvaj majaaj bareliefoj. Arogantaj vakeroj kaj varmegsangaj virinoj.

### 4. Faktoj pri Verakruco

La originala urbo de Verakruco (pli precize, *La Villa Rica de la Vera Cruz* – La Riĉa Vilaĝo de la Vera Kruco) estas la punkto el kiu Hernan Cortes komencis sian konkeron de Meksikio. Helpis lin en tiu entrepreno regionaj indianaj triboj malkontentaj pri la superrego de la Aztekoj. Do en Verakruco komenciĝis tiu stranga mikso de mezepoka Eŭropo kaj indiĝena Ameriko kiu estas ankoraŭ elstara trajto de Meksikio ĝenerale.

Verakruco estas vera trezorejo por arkeologoj. Tie troviĝas diversaj postrestaĵoj de la kulturoj Hŭasteka, Olmeka kaj Totonaka. Ĝis la nuna jaro (1998), oni konstante elterigas novajn ŝlosilojn al riĉa pasinteco.

La arkeologo Jeffery K. Wilkerson rimarkas ke Verakruco estas "benata pro vigleco kaj diverseco de siaj popoloj." Aliaj benaĵoj kiujn li substrekas estas fekunda grundo, abunda pluvo, kaj 450-mejla marbordo kun bonaj havenoj kaj riĉa fiŝkaptado. Ankaŭ ĝiaj ekologiaj zonoj estas diversaj pro varia alteco de tereno.

La vulkano Orizaba, fojfoje videbla de lokoj (kiujn ĉi tiu verko multe pritraktas) kiel la grandbieno El Coyol kaj Paso-del-Maĉo, altas je 18,700 futoj. Temas pri la tria plej alta vulkano en Nord-Ameriko.

Nur kelkkilometra distanco disigas la tropikajn marbordajn ebenaĵojn de la sekaj altaĵoj de la Centra Meksikio. Riĉaĵoj konstante envenas la havenon, kaj rikoltiĝas de la grunda malavaro. En la lastaj jardekoj, petrolo estas grava ekonomia faktoro, precipe en la norda regiono *Chicontepec* (Ĉikontepek).

En 1980 la urbo Verakruco havis loĝantaron de pr. 400.000. En Xalapa; la ĉefurbo, estis pr. 300.000 loĝantoj.

Hernan Cortez fondis la originalan urbon de Verakruco en 1519, proksimume kvindek kilometrojn norde de la nuna metropolo.

Laŭ arkeologoj, homaj restaĵoj en Verakruco datiĝas je 5600 jaroj antaŭ Kristo. ------ Fonto: "Man's Eighty Centuries in Veracruz", S. Jeffrey K. Wilkerson, *National Geographic, Vol.* 158, no. 2, Aug. 1980.

**5 El Tajín, Arkeologia Interesaĵo**

Elstara arkeologia interesaĵo estas El Tajín, nun grandparte rekonstruita. El Tajín estis urbo konstruita de la popolo Hŭastek, parenca al la famkonata Majao. Ĝi prosperis preskaŭ ok jarcentojn, inter la jaroj 300 kaj 1100 post Kristo.

El Tajín troviĝas en la nordo de la ŝtato Verakruco; pli precize inter Tuxpan kaj Tecolutla.

*Tajin* en la lingvo de la nuntempa tribo Totonak signifas "fulmo" aŭ "loĝloko de nevideblaj estaĵoj".

En la urbo, laŭ kelkaj historiaj fontoj, oni ludis pilke laŭ tre serioza maniero. Unu membro de la teamo estis anticipe destinita por esti ofermortigita post fino de la matĉo. Oni dehakis la kapon al tiu elektito, kiu tuj fariĝis sendito kaj peteganto por la homoj ĉe la dioj:

De El Tajín konserviĝas imponaj, multetaĝaj piramidoj, kiuj estis siatempe brile farbitaj - ruĝe, nigre kaj blue. La plej granda piramido havas 365 niĉojn kaj prezentas arkitekturan stilon karakterizatan per dramaj kaj potencaj kontrastoj de lumo kaj mallumo.

Ĉie en la loko oni trovas alte stiligitajn, impone ellaboritajn ŝton-gravuraĵojn, kiuj atestas kiom altgrade estis disvolvita tiu civilizacio.

**6 Verakruca Dialogo (1989)**

En Paso-del-Maĉo, junulo indikis deziron inter-paroli petante cigaredon.

"De kie vi estas, amiko?"

"El Usono."

"Kion vi faras ĉe ni en la varma lando?"

"Mi vojaĝas, por vidi la mondon."

"*Ah, YOU ARE A WORLD TRAVELER!*"

( "Ha - vi estas mondvojaĝanto." : la angla frazo estis perfekte esprimita). "Vi Usonanoj ja havas monon kaj eblecojn por vojaĝi ofte kaj diversloken. Ĉu vi ŝatas nian Verakrucon?"

"Jes, multege. La pejzaĝoj estas vere belaj kaj la homoj estas viglaj."

"Des pli bone. Ni Verakrucanoj estas la plej inteligentaj kaj la plej prosperaj el ĉiuj Meksikianoj. Mi avertas vin, amiko, ne vojaĝu tro suden, ne iru al Centra Ameriko: tie estas gravaj problemoj."

"Tien mi ne intencas vojaĝi."

"Des pli bone. Nu, amiko, se mi rajtas demandi, ĉu vi estas germandevena? Vi aspektas germane."

"Jes, flanke de la patrino. Flanke de la patro mi estas angladevena."

"Mi konas Germanojn en la havenurbo. Tiuj homoj kredas sin superaj. Pikeme: Ĉu vi kredas vin supera?

"Ne, mi ne kredas min supera."

**7. Dialogo daŭras**

"Laŭ via esprimmaniero, ŝajnas ke vi estas universitatulo."

"Jes, fakte: mi estas profesoro pri *Filosofía Y Letras* (tio estas, literaturo)."

"Interese. Parolante pri filozofio, kion vi opinias pri Abraham Lincoln, tiu granda samlandano via?"

"Li estis *magna* homo, sed jam multega tempo disigas nin de lia epoko."

"Kion signifas Lincoln sur via ĉemizo?"

"Tiel nomiĝas mia urbo."

Pikeme: "Ĉu vere vi ne estas rasisto, membro de Ku Klux Klan?"

"Entute ne."

"Ĉu vi kredas je kunvivado de diversaj rasoj, nigruloj kaj blankhaŭtuloj?"

"Jes, tiel devas esti."

"Des pli bone."

Tiel serioze demandi pri Abraham Lincoln ŝajnus strange en Usono. Tiom freŝe, tiom malanakronisme. Estas vero ke ĉi tie, en ĉi tiu Sudo, la homoj vivas en malsamaj tempoj...



Moŝta redaktoro,

estas mia sento ke mia amanto estas la sola E-lingva verkisto, kiu kuraĝus verki la anoniman pastiĉon (p 18, pasinta numero). Ke malgraŭ tio, li ĝin aperigis, mi povas kompreni: en nia duopa mondo ni ja fikas, kacas kaj piĉas, sed ankaŭ ludas, legas kaj verkas (pri ni mem).

Ĉar kaj li kaj mi al kiu la "poemo" estas dediĉita estas ŝatantoj de pastiĉoj en Esperanto, mi decidis verki respondon.

Kun amdeziroj,

mi

**Ho mia piĉ'!**

al li

Ho, mia piĉ', fariĝu pli humida,
Forpelu la jupeton kun dediĉ',
Ĉar vin atendas kaco netimida,
Ho mia piĉ'!

Ho mia piĉ'! Post ofta ekzercado
aliru la kacon sen superstiĉ'
Kaj estu preta por longa fikado,
Ho mia piĉ'!

# LKK-bis

**Gazetoj**:

**Fonto**, n-ro 308, aŭg. 2006. Nepre leginda, la eseo de Aleksandr Melnikov "Ekparolu, por ke mi vin vidu, aŭ Ĉu Esperantisto rekoneblas laŭ paroloj", kiu ricevis la unuan premion de la Belartaj Konkursoj de UEA. En tiu riĉe dokumentita eseo, vi trovos, i.a. naŭ referencojn al artikoloj de LKK! "Abonu LKK-on, la gazeto, kiu gajnigas premiojn!" povus iĝi nia nova slogano...

Ni ĵus eksciis pri la neapero de Fonto en 2007. Espereble ĝi plu revivos la postan jaron. Nia monumento (sur l' kovrilpaĝ') jam tro plenas!

**La Ondo de esperanto** feliĉe bone fartas. Pro teĥnikaj problemoj, mi nur nun ĵus ricevis la sep laste aperintajn numerojn kaj nekontesteble jen unu el la plej legindaj gazetoj. Valoraj recenzoj, noveloj, lingvistikaj artikoloj, poemoj (belega poemo de Paul Zech "La balado pri la belaj inoj de Parizo" en traduko de Reinhard Haupenthal – ja ja! en la julia numero). Nur lamas la rubriko "Gazetoj", kiu devus titoliĝi "Literatura Foiro angulo"...

**La Revuo Orienta**, n-ro 10/2006. En la artikolo "Paralelaj tekstoj", ni (Armela kaj mi) havis la plezuron vidi la unuan paĝon de nia traduko de "Vojaĝo ĝis noktofino" de Céline, kun komentoj (bedaŭrinde por ni en la japana!) de Yamasaki Seiko.

**Esperanto USA**, 2006/3-4. Post la raporto pri la kongreso de ELNA en la "Granda Pomo" (Novjorko), ni trovas lietraturan suplementon, kun originalaj poemoj, i.a. "Kontraŭmilitaj kaj Pacaj hajkoj" de Steve Brewer, teksto de Ivan Franko en traduko de Viktor Pajuk, de Rudyard Kipling "La elefantido" en traduko de Geoff Yeowell, ktp.

**Litova Stelo**, julio/aŭg. 2006. Ridu kun la nova paĝo "La verda spico". Jen amuza "Konciza historio": Oni anoncis konkurson de la plej konciza rakonto, en kiu estu ligitaj Dio, Esperanto, Italio, sekso kaj sekreto. Gajnis jena unufraza kurtaĵo:

- Dio mia! – ekkriis jam ne plu komencantino, ĉar en flua Esperanto, - post la kongresado en Florenco mi gravediĝis, sed de kiu spertulo...?



**Monato,** novembro. Originala artikolo pri la "eventoj" de '56 en Hungario de Jozefo Horváth... kiu estis nur sepjara en tiu epoko!

Kaj legante la artikolon de Hori Jasuo, vi scios kial "Matenmanĝi ŝajne rilatas al klereco"! Kun tre bela konkludo:" Manĝaĵo estas ne nur kalorioj por la korpo, sed samtempe nutraĵo al la koro."

**Komunikoj:**

5a NR - Novjara Renkontiĝo en Trier 26a de decembro 2006 ĝis 7a de januaro 2007 Kerna tempo de la 27a de dec. ĝis la 3a de jan.

http://www.esperantoland.org/nr

Fine de la jaro pli ol cento da homoj festos la novan jaron dum la 5a Novjara Renkontigo en Trier en Germanio. Atendos vin prelegoj, kursoj, koncerto de Akordo kaj supozeble de aliaj, vesperaj prezentoj, lingvaj kursoj, programo por infanoj, promenoj, ekskursoj kaj kafejo por kunesti kaj babili.

Koncertos por ni en la 1a de januaro la sen-akompana kantgrupo Akordo La sepopo muzikas en Esperanto de 1988 kaj kantas kvarvoĉajn kantojn de diversaj stiloj - de mezepokaj ĝis modernaj, de popolkantoj ĝis rokmuziko.

Kanto pri NR de Ĵomart kaj Nataŝa. Multaj partoprenintoj ŝatis la antaŭajn renkontiĝojn – la kazaĥ-sveda paro Ĵomart kaj Nataŝa eĉ verkis kanton pri NR, ĝoja pri la restado pasintjare en Frankfurto, kie kunvenis 120 homoj. Plej certe vi povos aŭdi ilin ĉi-foje en Trier.

La ĝenerala temo estos la medio. Daŭre atingas nin novaĵoj pri klimata ŝanĝiĝo kaj varmiĝo de la tero, formortado de plantoj, translokiĝo de bestoj ktp. Eble vi ŝatos prezenti prelegon pri specifa punkto, eble vi ŝatos diskuti pri la temo, pri nia propra parto-preno en ĝi.

Sed eble vi deziros prezenti ion alian por krei varian oferton. Ni tre ĝojos pri via kontribuo en la programo, ĉu rilate al la ĉeftemo, ĉu pri io alia.

Infana programo. Ĝis nun aliĝis dudeko da infanoj, sume verŝajne denove estos ĉirkaŭ kvardeko. Gvidos la infanan programon Christoph Frank, sperta pri tio de multaj jaroj - kaj famkonata ankaŭ pri pupteatrado, magiaĵoj ks. Krom aliaj infanaj pro-grameroj kaj libera ludado li ofertos kurson pri produktado de ludiloj el rubaĵo.

**62a kongreso de SAT-Amikaro**. Ĝi okazos de la 6a ĝis la 10a de aprilo 2007, en Artigues-près-Bordeaux, ĉirkaŭurbo de Bordozo, Francio. Moderaj prezoj kaj por tranokti kaj por manĝi. SAT-Amikaro, 134 bd Vincent Auriol, 75013 Paris.

**92a Universala Kongreso**, Jokohamo, Japanio, 2007.08.04 – 11. Ĝi okazos en grandega kongresejo kun 60 (!) kunvenejojn. UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015BJ Rotterdam.

## Legi

**Ordeno de Verda Plumo**, Leksikono pri esperantlingvaj verkistoj, kompilis Josip Pleadin, 272 paĝoj, bindita, 2006. 30€. Eldonis kaj presis Grafokom, Durdevac, kunlabore kun EVA – Esperantlingva Verkista Asocio.

Ĉirkaŭ mil aŭtoroj. Tre preciza biografio por multaj el ili. Kaj foto por proks. la duono. Jen vera trezoro por tiuj, kiuj konscias, ke ne ekzistas lingvo sen literaturo. Josip Pleadin, kun la helpo de dekoj da kunlaborantoj, el 30 landoj, faris gigantan laboron.

Mi trovis proks. 50 aŭtorojn, kiuj kunlaboris/as al LKK. El tiuj 50, 16 aperas kun mencio ke ili kunlaboris al nia gazeto. Strange ke tiu mencio ne aperas en la biografioj, ekz. de Georgo Lagrange, Aldo de 'Giorgi, de Seabra, Pol Thorsen, ktp...

Se ni ĉiuj jam vidis fotojn de Zaza, Baghy aŭ Kaloĉajo, multe malpli el ni iam vidis foton ekz. de Friedrich Wilhelm Ellersiek, kiu sub la pseŭdonimo Argus verkis la unuan krimromanon "Pro kio?" (Mi sugestas al la eldonejo Bero represi ĝin...) - de Teresa de Almeida, kiu sub la pseŭdonimo Vimala Devi verkis i.a. la poemarojn "Pluralogo" kaj "Speguliĝoj" - aŭ de Ĝong Sasop, pseŭdonime Dan Tirinaro, kiu estas poeto iam epitetita "libera", "rezista", "originalverka", "animala", "satira", "plejelita", "idealisma", "junula" kaj "realkritika"!

Certe mankas kelkaj nomoj de valoraj (aŭ malpli) verkistoj – pli-malpli 50 kunlaborin(an)toj de LKK malestas, i.a. Serge Sire kaj Arnau! Sed la aŭtoro tion konscias kaj antaŭvidas rapidan duan eldonon kompletigotan per dekoj da paĝoj. Feliĉe tiu ĉi unua eldono bone vendiĝas kaj ni senpacience atendas la novan.

Regratulon al Josip Pleadin por tiu ĉi leksikono, kiu ".. estu digna prezento de nia literaturo antaŭ ekstera publiko kaj uzebla informfonto por postaj esplorantoj kaj uzantoj."

**Zam-Zam-Zamenhof**, triakta per-versio de eventoj jam ofte rakontitaj, plenumita de Paul Gubbins, eldonejo Bero, Roterdamo 2006, 87 p. Prezo 9 €.

Tiun ĉi teatraĵon la aŭtoro verkis en la angla "por prezenti pli histerie ol historie iom pri Esperanto al neesperanta spektantaro". Ĉar la brita publiko ridadis, Gubbins pensis ĝin adapti al Esperanto, kun lingvaj kaj kulturaj aludoj, kiuj ne eblis en la angla teksto.

Amaso da rolantoj, i.a Zamenhof mem kompreneble, Mama kaj Papa Zamenhof, Zilbernik kaj Klara Zilbernik, Bialy kaj Stok, Interpretisto ĉiam pelata, Blanka Aglo, Marta, paciento de Zamenhof kaj eĉ Princo Charles, senforgesi la Mafianoj: Neregu Laverb, Vira Genro, Ina Genro kaj Neŭtra genro. Sed, kiel klarigas la aŭtoro, eblas duobligi, eĉ triobligi rolojn.

La afero disvolviĝas inter la mezo de la 19a jarcento kaj la nuno.

Vera burleskaĵo, kun iu Papa Zam., kiu ne suĉas glaciaĵon, rusa soldato, kiu arestas la reĝisoron pro raŭmismo kaj groteskaj mafianoj. Ja dekomence oni devas akcepti la ludon... kaj tiam oni ridetas, ridas kaj foje ridegas. Jen unu el la plej bonaj kalemburoj, kiujn mi iam aŭdis:

**Z.**: Vi... vi ne estas fiakristo... vi estas... vi estas...

**Neregu**: Tiu, kiu subaĉetis la sinjorojn ĉe la ministerio... por enkaĉigi vian patron...

**Papa Zam.**: La diablo...

**Neregu**: Jes, la diablo... sed ankaŭ fiakristo... diablo estas fiakristo...

**Mama Zam.**: Ho, ve... kia kalemburo.

**Zamenhof**: Ho ve,... kia koŝmaro.

Mi ne scias, ĉu iam ni povos spekti tiun absurdaĵon, sed mi avertas tuj, ke mi pretas esti Papa Zam. Jen hazarde elektita repliko lia:

**Papa Zam.**: Kapo de kelonio... vi nomâs vin kuraĉisto. Kion oni inŝtruâs hodiaŭ ĉe niaj univerŝitatoj? Hipokraton... aŭ hipokriton?

Sed tiam, kompreneble, ne forgesu provizi min per botel' da vin'!

**La lando de blinduloj**, H.G. Wells, tradukis el la angla E.W. Amos, dua eldono. Serio utopia numero 3, eldonejo Bero, Roterdamo 2006, 26 paĝoj, 3 €.

La heroo, Nunez, montgrimpisto, iam falas en teruran fendegon. "Ĉe la fino de la deklivo li falis en nubo de neĝo tricent metrojn". Sed ne rompiĝis eĉ unu osto! Kaj jen Nunez kiu troviĝas en la lando de blinduloj. "Inter blinduloj reĝas strabuloj" momente pensas Nunez. Sed la afero iĝos tute alia. Post vana provo forlasi tiun landon, li tamen pensas ke li sukcesos eskapi, post enamiĝo al la bela Medina-Saroté... Sed ankaŭ tiam la afero ne iros glate. Kial? Do, legu la novelon, je flua stilo, kies unua eldono en E-o datumas de la jaroj 30aj. Dankon al la eldonejo Bero por tiuj reeldonoj de elĉerpitaj tekstoj valoraj.

**Esperanto kaj lingva diverseco**, intervjuo kun Claude Hagège, UEA, 2006, E-o-dokumentoj 40E, 16 paĝoj, 2,70 €.

Intervjuo de Claude Hagège kun François Lo Jacomo, la 16-an de decembro 2004 (tiun ĉi intervjuon filmis Axel Rousseau). Claude Hagège estas profesoro ĉe Collège de France (plej eminenta instruejo en Francio) kaj aŭtoro de multaj verkoj. Claude Hagège ne iros al la punkto vere subteni Esperanton.... "sed se Esperanto povas helpi al respektado de tiu ĉi lingva diverseco per kontraŭstaro al la hegemonio de la uson-angla, kion oni riproĉu al ĝi?" Kaj je la fino de la intervjuo Hagège diras: "dum tiu ĉi kunparolado, mi ĵus asertis, ke mi neniel kontraŭas peton favore al enkonduko de Esperanto kiel ekzamena fako por abiturientiĝo." Pli bone ol nenio, kiel dirus mia pordistino!

Se vi volas donaci tiun broŝuron al neesperantisto, ekzistas la franca versio "L'Espéranto et la diversité linguistique", ĉiam ĉe UEA (sed n° 30F) kaj eĉ por la sama prezo...

********

**Muziko** (komuniko, ĉar mi ne spertas pri roko...)

**Supernova** (elektroroko)

La titolo de la albumo ankaŭ estas la nomo de la bando. Kvankam Brazilo estas la lulilo de tiu fenomeno, jen sono kaj lumo kiuj ja direktiĝas al la tuta planedo...

Jen do, kunlabore kun Rogener Pavinski (voĉo kaj baso) el Ribeirão Preto, Aleksandre Mancini (gitaro) el Campinas, Rogerio Borges (DĴ Roĝer' ĉe drumo kaj sintezilo) ankaŭ brazilano, sen forgesi la partoprenon en la tekstoverkado de Jimes Milanez el Campinas, la albumo ekellaboriĝis pere de interretaj virtualaj interŝanĝoj kaj registradoj en diversaj studioj en Eŭropo kaj Ameriko dum ne malpli ol 3 jaroj!

Vinilkosmo nun havas la plezuron prezenti al vi ĉi tiun KDon kiu enhavas ankaŭ profesian videon realigitan de la brazila produktejo Kosmuzik' kaj jam spektebla ĉe La Farbskatol. Por fragmenton aŭ rekte mendi:

http://www.vinilkosmo. com//?disc=vkkd86&Ing=e

... la lingvouzo de la aŭtoro, jam konata pro sia traduklaboro pri diversaj gravaj verkoj, estas neriproĉebla.... se vi volas malkaŝe konfronti la realon de la vivo, la libro estas rekomendenda.

**Donald Broadribb, Monato**

Pro ĝia mallongeco, ĝiaj lingvaj kvalitoj, pro la inteligenta kaj interesa rakonto kion ĝi enhavas, ankaŭ pro ĝia malalta prezo, mi prognozas la sukceson de tiu ĉi libreto en niaj kluboj.

**EdZ, La Gazeto**

Tiu ĉi kruda dokumento revenigis min al propra infanaĝo en sama epoko, en familia cirkonstancaro ne aparte feliĉa sed certe malpli tragedia. Dankon al Armela mem pro sia atestaĵo, kiu supozeble estas, en Esp-o, la ununura tiaspeca.

**Kribo, Laŭte!**

Tre interesa rakonto de infanaj travivaĵoj, de maldorlotita infano, naskiĝinta en Normandio dum la dua mondmilito...

**CNM, Le Monde de l'Espéranto**

La rakonto apartiĝas de aliaj, kvazaŭ la vortoj estas pli densaj, la frazoj pli plenaj. Kun koncizaj frazoj, trafaj vortoj en flua rakonto, la stilo belas.

**Marielen' Deser', La Sago**

Estas des pli facile legi la tutan verkon senhalte, ke la stilo fluas pro la simpleco de la strukturo de la propozicioj. Foje la frazoj ne kompletas same kiel en parolado. "La monero en mia poŝo, ne plu". Mi povis preskaŭ aŭdi la voĉon de Armela konfidi al mi siajn travivaĵojn.

**Franciska Toubale, Laŭte!**



# CMC

En bona horo aperis nova brila inventaĵo : la ĝis nun tiel nomita "fragment-bombo". Ĝi estas "patrino", kvazaŭ insekte graveda je amaso da idoj. Tiuj disiras ĉe la patrina piroteknikaĵo. Tiel senditaj al pli longa distanco ili mem elegante artfajras, semante amason da ŝtaleroj sur pli vasta surfaco, ol kapablus la "patrino", tiel konvinkante multe pli da homoj je la prava justeco kaj la nobla konscienco de l' sendintoj.

Ne komprenante la admirindecon de l' eltrovo, kelkaj homoj kuniĝis en malklere obskurantisma kontraŭ-societo: **CMC**. Eĉ iu esperantista asocio jam aliĝis, ne sentante, kiel argumentoplena kaj konvinkoriĉa povas esti tia rimedo en diskutado aŭ rezonado.

Se vi estas tia velkinta malprogresanto, vi povas aliĝi. Ni mem kontentiĝos per la prilingvaj demandetoj de l'afero.

Kiel nomi la "patrinon"? Bombo ne sufiĉas; fragment-bombo, kopio de naciaj lingvoj, ne kontentigas: ne temas pri fragmentoj, t. e. eroj, sed pri veraj "novnaskitoj". Serioze, la ideo de nask-, de gener-, ne taŭgas al aĵo kontraŭa al la senco; tiu de divid- estas iom longa; de er- aŭ dis- ne sufiĉe preciza; eble la scienc-afikso gen- konvenus, ĉar ne entenanta pozitivan konotacion: ekz. kancergena; ni sekve povus "kial ne?" proponi: genbombo.

Pri ties infanoj, estas simple: ili ja estas bombidoj. Kaj la finaj delikataj splitoj, afable diskarnigontaj ne-konvinkeblajn durkapulojn estas bomberoj.

Bonvenon en nian glore piroteknikan novan mondon!

***Johan-Luko Tortel***

# Gratularo

LKK jam tridekjara!
Ĉiam iel proletara,
en kritiko malavara,
sed eĉ mokante kara,
en analizo tute klara,
poezie epokfara,
en desegnoj arte rara,
kun opinio foje erara,
tamen ĉiam senkompara –
jen la laŭdo legantara!

***Stefan Maul***

Jen la 120a
Jen ĝi daŭre sen Koka.
Kaj mi, Gŭendolina,
laŭ kant' mandolina
lascive formetas korsaĵon
kaj jupon, do ĉiujn vestaĵojn.
Jen do mi tute nuda,
kiel stelo najada.
Sur altaj kalkanumoj
nun mi frandas lukumojn
kaj invitas vin trinki
se vi ne timas sinki
en brakojn de feino
kiu ja sen bikino
ŝatas la datrevenojn
kiel plej belajn revojn.

***Gŭendolina***





# CADET Revenas:
## Goodbye MOTO
### *M. K. Jones*
aŭgusto 2006

Antaŭ multaj jaroj, la firmao IBM enkondukis komputilon kiun ĝi nomis CADET, sed poste devis ŝanĝi la nomon, ĉar oni komencis ŝerci, ke la nomo estas akronimo por "Can't Add, Doesn't Even Try" ["Ne Povas Adicii, Ne Eĉ Provas"]. Nu, denove ni havas similan situacion pri la reklam-kampanjo de la firmao Motorola.

Kiel estas bone konate, ilia devizo estas "Hello MOTO". Sed pli aŭ malpli frue oni konstatos, ke MOTO povas esti akronimo por:

**"Mission Overrated, Technology Obsolete"**

[Misio Trotaksita, Teĥnologio Eksmoda"].

Estos interese vidi, kiom rapide tiu konstato disvastiĝos.

Alia kazo kie oni sentis sin devigita ŝanĝi la nomon estis tiu pri certa Usona aŭtomobilo nomata "Nova". Sed en la hispana "no va" signifas "ne iras", kaj do kiam oni komencis merkati la aŭtomobilon inter hispanoj, ĝia vendado mistere "ne iris".

Nu, ni menciu kazon kie oni NE ŝanĝis la nomon, nome, la kazon de la nomo de la aŭtomobil-fabrika firmao FORD. Nu, kiel ĉiuj (anglalingvanoj) en Usono bone scias, FORD (ŝerce) estas akronimo por "**Fix Or Repair Daily**" ["ĝustigu aŭ riparu ĉiutage"]. Tamen, la firmao kuraĝe eltenadis la ridadon dum ĉi tiuj multaj jaroj.

Do, ni atendas la rezulton kun tenita spiro. Ĉu Motorola ŝanĝos la devizon, aŭ kuraĝe eltenos malgraŭ la ridadon?

*******************************************

**Karaj kunbatalantoj,**

mi proponas al vi aperigi tiun tekston...

(NDLR: jen do resumo de tiu teksto, kiu ĉefe koncernas francojn, sed ankaŭ aliajn eŭropanojn)

"Nia kolektivo estis kreita por diri NE al la eŭropa konstitucio.

Post pluraj monatoj da kampanjo kaj la venko de la NE, ni ne deziris disiri.

Ĉi tiu kolektivo estas asocio de koleraj civitanoj devenantaj de ĉiuj horizontoj de la maldekstra movado.

Unuigas nin komuna volo de rezistado kontraŭ la diktaturo de la kapitalismo, ĉar la kapitalismo dispremas la homojn, prirabas la naciojn, detruas la planedon, dissemas mizeron kaj militon.

Nia kunvenejo: 2 rue Voltaire, 34500 Béziers. Sed ekzistas pli ol 600 kolektivoj en Francio! Vi povas telefoni al 04 67 76 43 78, por koni la adreson de tia kolektivo en via urbo.

Aliflanke mi celas, kun kelkaj aliaj anoj, kontakti eŭropajn kolektivojn, pere de Esperanto kaj de la revuo *Internaciisto*.

***Vito***, kolektivano de Béziers

# Leteroj

## Unufraze

La babilaĵo de Gbeglo Koffi "Kiom da edzinoj?" (La KancerKliniko 119) havas supozeble bazon realan kaj personan en la periodo kiam la tiama afrika estrarano de UEA, cetere edzo kaj patro, ne perdis la okazon ĝui junajn, blankajn piĉojn, inkluzive en la lando de kie venas ĉi tiu mesaĝo subskribita de

***Mbelgiji bila jina***

NDLR: la ĉi-supran leteron ni ricevis anonime el Gento, Belgio. Kutime ni ne aperigas anonimajn leterojn, sed, ĉar ĝi ŝajnas al ni tute ne ofenda... ĝuu ĝin!

***

Mi tre ŝatis la lastan LKK (119). Tre interesaj la ĉinaj memoraĵoj de Laŭrenco Septier kaj, kiel ĉiam, ankaŭ la taglibro de Duc Gonimaz. Jopetro Danvy rafinas siajn tradukojn.

***Manuel de Seabra***

***

**Estimata kaj kara amiko Jacques le Puil**:

1.Koran dankon por la n-ro 119 de LKK! Ha, vi sidas en la unua kovrilo!

2.Plaĉas al mi la "Ĉinaj Memoraĵoj" de Septier. ekz-e: "El Popoĉa Linio / El Popola Ĉinio" kaj similaj kontraŭknaloj.

***Hu Guozhu***

***

## Al MDG

"*Iu s-ro Septier*", dankon MDG pro la malestimo al mi ...

Mi ne komprenas, ke, se mia "galimatio ekstertema (...) apenaŭ meritas komentojn", vi, MDG, uzas duonpaĝon por respondi ... pri, krome, "flanka manovro" via en SAT-kongreso ... (kiel flanka manovristo, vi ŝajne estas tre forta - sed tion vi nur nun "konfesas" kiel senkulpigon).

... Jes mi skribis tion, kion mi skribis en LKK n-ro 95, jes mi desegnis la kovrilpaĝon. Mi aprobas, kion mi verkis kaj desegnis (dankon Ĵak pro l' subteno). Ses jarojn poste vi memoras pri tio ? Bonege, via mensa sano bonas.

Mi precizigas la fakton, ke Alzheimer ne estas la nomo de iu malsano. [Se jes, mi skribintus "Alzheimer-malsano"].

... Pri la cetero mi havas nenion por diri, krom : en mia "poemo" (LKK 95) mi aludis, ke mi povus (r)esti **sennaciulo**.

***Iu s-ro Septier***

# Basyô

(1644-1694)

eljapanigis ***Gennadij Turkov***

## *Vintro*

***

Akvo **fridegas** –
ne povas endormiĝi
mevo sur ondoj

***

Kvankam **frostegas** –
noktante kun samvojul',
mi ne desperas!

***

Cepaj radikoj
lavitaj ĝis blankeco,
pliigas **froston**!

***

De stultoj "luno",
"floroj" pingle kuracos
**alven' de frosto**!

***

Kial en bruon
de **lastmonata** bazar'
ci flugas, korvo?

***

"Forgesigan herbon"
mi pluku al rizaĵo
ĉe **jarfiniĝo**!

***

**Jarfiniĝa** vesper'!..
Dum rizpistad' ĉe najbaroj
tristas endormiĝi!

***

*Ĉe vojhalto mi estas trafita de jarfiniĝo*

Jam **finiĝis jar'**,
sed sur mi ĝis nun – ĉapel',
pajlaj sandaloj...

***

Ĉian prudenton
tute forbatas el kap'
**finiĝ' de jaro**!

***

Ekis **vintra pluv'**.
Ankaŭ simi' mienas
mantel-dezire.

***

En tia tago
ĉiuj devus oldiĝi!
Ekas **vintra pluv'**.

***

Ĉu ankaŭ nuboj
pisas kure kiel hund'?
Kurta **vintra pluv'**.

***

Nokta vojhalto.
Ankaŭ sur hundon **pluvas**? –
Jelpo el mallum'.

***

En nova ĝarden'
arbidojn kuraĝigas
**vintra pluveto**.

Kuracil-trinko
Ja eĉ sanul' ne dormus! –
**Prujno** sur kusen'.

***

Ĉu de timigil'
prunti veston por dormi?
Nokte – eĉ **prujnas**!

***

Matena **neĝo**
lasis nur cepajn tigojn,
kiel bedsignojn.

***

*Dum neĝ-admirado*

Hej, bazaristoj!
Ĉi ĉapelon mi vendas,
kun **neĝo** sur ĝi.

***

Mi fiksrigardis
eĉ ĉevalon kun rajdant'
**neĝan** matenon!

***

Eĉ ordinare
malplaĉa korniko, sed –
se **neĝmatene**!..

***

Bambuoj fleksiĝis –
tio signifas, ke ili
antaŭsentas **neĝon**!

***

Admiri **neĝon**
ni iru! – Ĝis eĉ falos
ni pro laciĝo.

***

Ci'aranĝu fajron,
mi ion belan montros:
**neĝan** bulegon!

***

Impresas sonoj! –
Kiam **hajleroj** frapas
sur pajlĉapelon.

***

**Glaciiĝis** ros' –
ekmankis por peniko
plej bona akvo!

***

Ondsonoj sub remilbatoj
**glaciigas** mian internon.
Nokto kaj larmoj.

*Tiu ĉi hajko en originalo havas 22 silabojn*

***

Kruĉo rompiĝis. –
Akvo **glaciiĝinte**
nokte vekis min!

***

Ne unu roseron
verŝfaligas krizantemo –
ĉiuj **glaciiĝis**!

Florojn en la kor'
salutu antaŭ ĉio! –
Eĉ dum **vintrado.**

***

**Vintrad'** enhejme.
Ree mi min alpremos
al tiu ĉi fost'.

***

**Riparo de fornoj**.
Stukisto ja maljuniĝis! –
Prujno sur tempioj.

***

Kor' de vojaĝant'
neniel trankviliĝas! –
**Piedvarmigil'**.

***

Grilo ĉirpas post
kiam pasis ĝia temp'. –
Ĉe **varmigilo**!

***

*Patro priploras la filon*

Eĉ **karb' ardanta**
estingiĝas! – Nur son' de
bolantaj larmoj.

***

Preĝon sonigas
el sub **kimon'-kovrilo**
dumvoja noktant'!

***

Gladinte faldojn,
mi iris ĝui **neĝon**
en **papervesto**.

***

Mara krepusko.
Nur **anaskvako**
svage-lontane blankas.

***

Ankoraŭ vivaj
**tripangoj** glaciiĝis
unubulegen.

***

**Folioj defalis**
kaj iĝis sakur' leĝera
kiel pajloĉapel'!

***

**Dua florado**
ĉu por doni aromon
al vintra vento?

***

Ĉiuj **herbfloroj velkis**
kaj disŝutas tristerojn –
siajn semetojn.

***

**Vintra** ĝardeno!
Kaj lunark' – fadenminca,
kaj insektokant'.

*Hu Guozhu*

# Humora ŝerco inter erudiciuloj

Yang Zhenning( 1922-) , laŭreato de Nobel-premio( 1957, pri fiziko) . Xu Yuanzhong( 1921-, plumnome:XYZ) , prof. en Pekina Universitato, majstra tradukisto, samlernejano de Yang Zhenning. Weng Fan (1976-) , studentino por magistra rango. La titolo de la diplomiĝa disertacio de Weng Fan unuafoje estis "Pri la traduka pensado de Yang Zhenning" kaj la duafoja ŝanĝiĝis al "La pensado en poezia traduko de Xu Yuanzhong". 2004-12-24, 82-jara Yang Zhenning kaj 28-jara Weng Fan faris jurajn formalaĵojn por leĝa geedzeco en urbo Shantou, Guangdong-provinco en la suda Ĉinio. Ĉar la aĝ-diferenco estas tre aŭ tro granda inter la novgeedzoj, sekve tio fariĝis sensacia novaĵo en ĉina socio. Prof. Xu Yuanzhong gratulis al la novgeedzoj per sia angligo* de du poemoj en antikva aludo "Pirfloro sur spektabilo".(simile al Lolita en la Okcidento) Temis pri fama poeto Zhang Xian( 990-1078) , kiu en sia 80-a jaraĝo havigis al si 18-jaran knabinon kromedzino. Responde al saluto far Su Shi(1037-1101), la novedzo Zhang Xian improvizis jene:

Al Mia Juna Novedzino

Mi aĝas okdekjara, vi--- dekokjara.
Vi estas en floraĝo, mi--- jam blankhara.
Vi kaj mi estas samaĝa laŭ kalkulo,
se vi ignoras la sesdek jarojn nulo.



Kaj Su Shi ankaŭ sagace reciprokis al li per humora poemo:

Al la Nova Paro

Jun-edzin' kaj olda edzo iĝas paro.
Roza vango frontas kontraŭ blank-hararo.
Nokte, la ambirda par' en litkovrilo,
premas blanka pirfloro sur spektabilo**.

---

Noto:

1. * Angligo far Prof. Xu Yuanzhong:

For My Young Bride

I'm eighty years old while you're eighteen;
I have white hair while you're a fairy queen.
You and I are the same age, it appears,
If you ignore between us sixty years.

For The Newly-Weds

The bridegroom is eithty and eighteen the bride;
White hair and rosy face vie side by side.
The pair of love-birds lie in bed at night,
Crab-apple overshadowed by pear white.

2.** spektabilo (Malus spectabilis); sovaĝa pomarbo (florarbo rozaca, kiu floras en prin-tempo; ĝiaj floroj kun diametro de 4-5 centi-metroj estas ruĝaj en la komenco kaj iom post iom paliĝas)

*****************************************

# Io ajn

Estimata Direktora Moŝto,

Estas aŭtuno, sezono kiam la musoj ŝatas eniri mian domon. Ĉiujare mi devas aktivigi kelkajn risortajn musmortigilojn (kiuj ankaŭ nomiĝas "muskaptiloj"), kaj ĉiujare mi havas la saman problemon. Mi turnas min al vi aŭ viaj legantoj por konsilo.

Mi povas sufiĉe facile tiri la dikan svingdraton kontraŭ la forta risorto. Mi ankaŭ povas teni ĝin per la stangeto kiun mi kroĉas sub la ellasilo. Bone. Sed kiam mi nun metas la fromaĝon sur la ellasilon, ofte mi movetas la ellasilon nur iomete sed sufiĉe, ke tiu terura musmortiga svingdrato subite frapas miajn fingrojn. Estas tre doloriga! Ĉu iu povus helpi min?

Sincere la via,

***Kon Fu Zita***

# Fra Gaeta

"por Renée Triolle"

### Por eniri

mi estas nur o
sufiĉas ĝi atute
al mi ĉar mi por
eniri paradizon
ne plu bezonas vizon
jam venas el for'
anĝelo ŝalmolute
kun la truŝnuro

### Kroma sonĝo

la mirindaĵoj
de mi ĵus malkovritaj
abunde staras
en groto ŝtonigitaj
jam tiel ne viditaj
sublumfanfaras
ateste pri kaŝitaj
rememoraĵoj

### Al revkreivo

analizisto
de mia varma sango
tre longa listo
pri iro kaj reveno
fermitas la haveno
por propra vivo
de l' koro ĝis falango
kaj revkreivo

### Pri mi, ĉu ne ?

je ĉiu paŝo
elektas mi destinon
kaj ja memvole
daŭrigas kiel vivon
liberdefinitivon
nun amobole
ŝategus amikinon
eĉ en guaŝo

### Bezono

bezonas vin mi
sen vi mi plusilentos
ĝis spirekmankad'
avidas mi ĉeeston
de vi ni havos feston
en komunikad-
impet' ĉar vive ventos
por nin animi

### Sinjoro Sonnenberg

dignon li havas
rektoplene ja pravas
ĉiam fidante
senstrebe ridetante
per natura inklino
al sinjorino
anstataŭas vakuon
kreas vivĝuon

### Plu kantu!

kantanta voĉo
kunlevas ŝvebalfore
dezirojn longajn
por kontentiga plejo
en vasta plenumejo
kaj eĉ oblongajn
forgesojn trenas kore
dum la dekroĉo

### Hm – ho – hume !

mi inon ŝatas
por kisoj kun karesoj
kaj nur elsatas
donante la vivsukon
en fundan ĝuan plukon
de l' fingro granda
post bonvenaj komplezoj
al tuto franda

### La terakvo

rivero granda
aŭ eta defluejo
la akvo samas
en nuboj defalinta
ĝi estas ĝojo pinta
la vojon amas
kaj iĝas al bluejo
vivsarabanda

### Esperepoke

sen ajna vorto
eklumas obskuriĝas
normala sorto
pludaŭras korprintempo
tra spaco iras tempo
kaj reciproke
tiela viv' nomiĝas
esperepoke

### Trioleto

nu ĉu prave monologas
ĉi simplulo tra la mondo
jam li blagis nun li blogas
nu ĉu prave monologas
se tra l' ret' li ankaŭ vlogas
dum sul mar' ekstaras ondo
nu ĉu prave monologas
ĉi simplulo tra la mondo

### Ne finpreta

amon mian unuan
turniĝante la suno
en pacmondo detruis
kaj en amon ja pluan
min flegadis la luno
dum la viv' evoluis
tubero sen butero
plu restu sub la tero

### Forŝanĝo

dum forŝanĝo produktiĝas
per la daŭro de pasio
sonĝo kaj realo vivas
fundamente kunplektitaj
nun stuporo elmiregas
tiu nova mirindaĵo
alveninta pro l' kombino
donas amon en la lumo

### Inter maleblecoj

jam malfruas por komenci
kaj por fini ege fruas
flosas inter maleblecoj
kiu restas la subjekto
de l' senpova misagado
ĉar malakurate venis
dum ĉi vivo klare pasas
tra l' fenestro kaj l' espero

### Ni estas

ni estas la espero
ke paco resaniĝos
ke amo disvastiĝos
kaj nestos sur la tero
ĝis regos la sinteno
sen larmoj pro tumoro
kaj ĉiu en la koro
plu estos viva beno

# TARASO BULBO

## *Nikolao Gogol*

**Ĉapitro XII**

La spuroj de Taraso estis retrovitaj. Centdudekmil-kozaka armeo aperis ĉe la limoj de Ukrainio. Kaj jam ne temis pri iu malgranda grupo aŭ taĉmento, kiu ekmilitis por profito aŭ iris persekuti tatarojn. Ne, la tuta nacio ekribelis, ĉar rompiĝis la popola tolero – la nacio ekstaris venĝi pro primokado de siaj rajtoj, pro hontinda humiligo de siaj kutimoj, pro ofendo al la religio de siaj antaŭuloj kaj al la sanktaj ritoj, pro malsanktigo de preĝejoj, pro perfortaj agoj de alilandaj nobeloj, pro subpremado, pro la unio[1], pro malhonora regado de judaro sur la kristana tero – pro ĉio, kio delongege pligrandigis kaj pliseriozigis la severan kozakan malamegon. Juna, sed kuraĝa hetmano *Ostrjanicja* estris la tutan sennombran kozakan armeon. Ĉe li troviĝis grandaĝa, sperta amiko kaj konsilanto *Hunja*. Ok koloneloj gvidis la dekdumil-kapajn regimentojn. Du ĉef-jesauloj kaj ĉefa sceptro-gardisto sekvis la hetmanon. Ĉefstandardisto portis la ĉefan standardon; multaj aliaj sanktoflagoj kaj standardoj flirtis en foro; sceptristoj portis la sceptrojn. Multis ankaŭ aliaj ranguloj: transportilarestroj, proviantistoj, taĉmentaj sekretarioj; estis preskaŭ sammulte da volontuloj, kiom da registritaj kozakoj[2]. De ĉie ili venis: el *Ĉihirin*, el *Perejaslav*, el *Baturin*, el *Hluĥiv*, el la riverfina regiono de Dnipro, de ĉiuj ĝiaj mezaj riverujoj, de ĉiuj ĝiaj insuloj. Sennombraj ĉevaloj kaj nekalkuleblaj ĉarovicoj moviĝis tra kampoj. Kaj inter ĉiuj tiuj kozakoj, inter tiuj ok taĉmentoj la plej elita estis nur unu, kaj estris tiun taĉmenton Taraso *Bulbo*. Ĉio donis al li superecon antaŭ la aliaj: kaj estiminda aĝo, kaj sperto, kaj scipovo manovrigi la trupojn, kaj plej forta malamego al la malamikoj. Eĉ kozakoj mem opiniis lian senkompatan kruelecon kaj severecon troa. Lia grizhara kapo destinis nur bruligon kaj pendumon por la kaptitoj, kaj ĉiuj liaj konsiloj en la armea konsilio elradiis nuran emon al ekstermo.

Ne indas priskribi ĉiujn batalojn, kie kozakoj glorigis sin, nek la ĝeneralan evoluon de la milito: ĉio ĉi estas priskribita en la analoj. Oni ja scias, kia estas la milito sur la rutena tero, se ĝi okazas pro la religia kredo: ne ekzistas pli potenca forto, ol la kredo. Nevenkebla kaj minacoplena ĝi estas, kvazaŭ natura roko meze de ŝtorma, ĉiam ŝanĝiĝanta maro. De la marfundo mem ĝi etendas al la ĉielo siajn netrabateblajn murojn, ĝi la tuta estas kreita el unueca, firma ŝtono. De ĉie ĝi videblas kaj rigardas rekte en la okulojn de la preterkurantaj ondoj. Kaj ve al la ŝipo, kiu trafos tiun rokon! Ĝiaj senfortaj mastoj fariĝas ligneroj, ĉio, kio estas sur ĝi, dronas kaj frakasiĝas, kaj afekciita aero vibras pro mizeraj krioj de la pereantoj.

En la analoj estas detale priskribite, kiel fuĝis la polaj garnizonoj el la liberigataj urboj; kiel estis pendumitaj ĉiuj kanajlaj judoj-preĝejokupantoj; kiom malforta estis pola hetmano Nikolao *Potocki* kun tuta sia multkapa armeo kontraŭ tiu nevenkebla forto; kiel li, disbatita kaj pelata lasis la plej bonan parton de sia armeo droni en iu rivereto; kiel en urbeto *Polonne* lin ĉirkaŭis la minacoplenaj kozakaj taĉmentoj kaj kiel li, alpremita al muro ĵure promesis, ke la reĝo kaj ŝtataj ranguloj plenumos ĉion postulatan, ke ĉiuj rajtoj kaj posedaĵoj estos redonitaj. Sed la kozakoj ne emis kredi: ili jam sciis, kion valoras la pola ĵuro. Kaj *Potocki* neniel povus denove karakoli sur sia sesmil-ĉervonca ĉevalo, altirante la rigardojn de nobelinoj kaj envion de nobeloj, ne prancus li dum baloj, organizante luksajn festenojn por sejmanoj[3], se ne savus lin la ortodoksa pastraro, kiu troviĝis en la urbeto. Kiam ĉiuj popoj en helaj oraj kazubloj aperis portante ikonojn kaj krucojn, kaj antaŭ ili iris la arĥipastro mem kun kruco enmane kaj kun mitro, ĉiuj kozakoj mallevis la kapojn kaj demetis la ĉapojn. Neniun ili povus honori en tiu tempo, eĉ ne la reĝon mem, sed kontraŭi sian eklezion ili ne kuraĝis kaj tial obeis al la pastraro. La hetmano kaj koloneloj konsentis liberigi *Potocki*-on, akceptinte de li ĵur-promeson liberigi ĉiujn ortodoksajn preĝejojn, forgesi la iaman malpaciĝon kaj fari neniun ofendon al la kozakaro. Nur unu kolonelo ne akceptis tiun repaciĝon. Tiu estis Taraso. Li forŝiris vilon el sia hararo kaj eksklamaciis:

– Hej, hetmano kaj koloneloj! Ne faru tian malindan aferon! Ne kredu al polaĉoj: tiuj hundoj ja perfidos vin!

Sed kiam la regimenta sekretario finpreparis la traktaton kaj la hetmano sigelis ĝin per sia potencohava mano, Taraso prenis sian multekostan sabron el la plej rafinita turka ŝtalo, rompis ĝin kvazaŭ kanon je du pecoj kaj disĵetis ilin diversflanken, dirinte:

– Do, adiaŭ! Same kiel du pecoj de tiu sabro neniam povos rekuniĝi, same ankaŭ ni, kamaradoj, neniam plu vidos unu la alian. Memorfiksu do mian adiaŭan vorton (ĉi-momente lia voĉo plifirmiĝis, altiĝis, eksonis kun neimagebla forto – kaj ĉiuj konfuziĝis pro tiuj profetaj vortoj): antaŭ la mortohoro vi ĉiuj rememoros min! Ĉu vi pensas, ke vi do aĉetis trankvilon kaj pacon; ĉu vi kredas, ke de nun vi mem ĉion regos? Per alia regado vi kontentiĝos: de via kapo, hetmano, oni deŝiros la haŭton, remburos ĝin per fagopiraj ŝeleroj kaj longe montrados ĝin en foiroj! Ankaŭ vi, sinjoroj, ne retenos viajn kapojn! Forputros vi en humidaj keloj, enmurigitaj, se oni ne bolumos vin vivajn en kaldronoj, kvazaŭ ŝafojn!

– Kaj vi, knaboj, – daŭrigis li, sin turninte al siaj taĉmentanoj – kiu el vi volas morti per sia propra morto – ne varmigante sin ĉe forno kaj ne kuŝante en lito kun virinaĉo, ne ebria sub barilo ĉe drinkejo, simile al ajna feĉo, sed per digna, kozaka morto – ĉiuj sur la sama lito, kvazaŭ fianĉo kun fianĉino? Aŭ eble vi volas reveni hejmen kaj fariĝi religi-perfidintoj, veturigi sur sia dorso polajn pastrojn?

– Ni sekvos vin, kolonelo! Vi pravas! – ekkriis ĉiuj, kiuj estis en lia taĉmento kaj al ili tuj alkuris multaj aliaj.

– Kaj se mi pravas, do sekvu min! – diris Taraso, pli malsupren tiris sian ĉapon, severe ekrigardis ĉiujn, kiuj restis, prenis la kondukilojn de la ĉevalo kaj ekkriis: – Neniu rememoru nin per ofenda parolo! Do ek, knaboj, gaste al katolikoj!

Kaj tuj post tio li ekrajdis, kaj lin sekvis trajno el cent ĉaroj, multaj rajdantoj kaj infanterianoj; turnante sin, li riproĉis la restintojn per la rigardo, kaj lia rigardo ege severis. Neniu kuraĝis haltigi ilin. Observata de la tuta armeo foriris la taĉmento; kaj Taraso ankoraŭ dum longa tempo turnadis sin al la restintoj kaj rigardis minace.

Sombraj staris la hetmano kaj koloneloj; ĉiuj enpensiĝis kaj longe silentis, kvazaŭ premataj de tiu malbona aŭguro. Ne vane profetis Taraso: ĉio okazis ĝuste tiel, kiel li diris. Post iom da tempo, post perfido ĉe *Kaniv*, la kapo de la hetmano estis surpalisigita, same kiel la kapoj de multaj kozakaj gvidantoj.

Kaj kion faris Taraso? Taraso militiradis tra tuta Pollando kun sia taĉmento, forbruligis dek ok urbojn, ĉirkaŭ kvardek katolikajn preĝejojn, kaj foje atingis eĉ Krakovon. Multajn polajn moŝtulojn li mortigis, prirabis plej riĉajn bienojn kaj kastelojn; liaj kozakoj malŝtopis kaj elverŝis sur teron multjarajn vinojn kaj medojn, garditajn en nobelaj subterejoj; ili dishakis kaj forbruligis luksajn ŝtofojn, vestojn kaj hejmaĵojn, trovitajn en keloj. “Nenion domaĝu!” – konstante ripetadis Taraso. Ne indulgis la kozakoj ankaŭ nigrobrovajn polinojn, grandmamajn, belvizaĝajn junulinojn; eĉ ĉe la preĝeja altaro ili ne povis sin savi: Taraso bruligis ilin kune kun la altaroj. Multaj blankahaŭtaj manoj estis etendataj el la fajro al la ĉielo, akompanate de veoj kaj krioj, kiuj povus ekmovi eĉ la teron mem, eĉ la stepaj herboj povus kliniĝi pro kompato. Sed nenion atentis la kruelaj kozakoj, kaj, levante per lancoj iliajn bebojn, ĵetadis ilin en la saman fajron. “Jen al vi, malbenitaj polaĉoj, mortocelebrado por Ostapo!” – ripetadis Taraso. Kaj tiajn celebradojn li servis en ĉiu urbeto, ĝis la pola registaro ne komprenis, ke tiuj agoj estas io plia, ol ordinara rabado. Kaj tiu sama *Potocki* kaj kvin regimentoj estis komisiitaj nepre kapti Tarason.

Dum ses tagoj fuĝis la kozakoj laŭ vojoj kaj vojetoj for de la pelantoj; la ĉevaloj nur grandapene povis toleri tion kaj savadis la rajdantojn. Sed ĉi-foje *Potocki* estis sufiĉe lerta por la tasko, komisiita al li; li pelis ilin senlace kaj finfine atingis ĉe la bordo de Dnistro, kie *Bulbo* okupis por ripozo ruiniĝintan fortikaĵon.

Super la krutaĵo ĉe la Dnistro-rivero ĝi elstaris per siaj ruiniĝintaj defendomuroj. La pinto de la roko estis surŝutita de gruzo kaj brikrompaĵoj kaj estis preta ajnmomente defali malsupren. Ĝuste ĉi tie, de la kampo, de ĉiuj flankoj ĉirkaŭis lin la kronita hetmano *Potockii*. Dum kvar tagoj batalis kaj luktis la kozakoj, ĵetante brikojn kaj ŝtonojn. Sed la provizoj kaj fortoj elĉerpiĝis, kaj Taraso decidis batale trabati la vojon. Kaj la kozakoj ja preskaŭ jam fuĝis, preskaŭ certe la rapidaj ĉevaloj savus ilin ankoraŭfoje, sed subite haltis Taraso kaj ekkriis: “Halt’! La pipo kun tabako elfalis; mi ne volas, ke eĉ ĝin la malamikaĉoj ricevu!” Kaj la maljuna militisto klinis sin kaj komencis serĉi en herbo sian pipon kun tabako, sian ĉiaman kunulon kaj surmare, kaj surtere, kaj dum militoj, kaj hejme. Kaj dum li faris tion, alkuris grupo da malamikoj kaj kaptis lin je liaj larĝaj ŝultroj. Li provis ekmovi ĉiujn siajn membrojn, sed ne falis sur la teron la hajdukoj, kaptintaj lin, kiel tio okazis antaŭe. “He, maljuneco, maljuneco!” – diris li, kaj ekploris la granda, maljuna kozako. Sed ne maljuneco kulpis: forto superis forton. Verŝajne tridek homoj ekpendis sur liaj brakoj kaj kruroj. “Jen, jam kaptita, mallertulo! – kriis la poloj. – Nun necesas nur pripensi, kiel pli bone honori lin, hundaĉon!” Kaj ili decidis, kun la permeso de la hetmano, bruligi lin vivan por ĉies observo. Apude staris seka arbo, kies pinto estis disbatita de fulmo. Oni alligis lin per feraj ĉenoj, alnajlis liajn manojn, kaj, levinte lin laŭeble pli supren, por ke li estu de ĉie videbla, komencis aranĝi lignofajron sub la arbo. Sed ne la lignofajron rigardis Taraso, ne pri la flamo, en kiu li estis bruligota, li pensis; li zorgoplene rigardis la lokon, kie la kozakoj defendopafadis: de sur la altaĵo li vidis ĉion perfekte.

– Okupu, knaboj, okupu pli rapide, – kriis li, – la monteton trans la arbaro: ili ne konkeros ĝin!

Sed la vento ne ĝisportis liajn vortojn.

– Eĥ, pereos, ja tiel malsaĝe ili forpereos! – ripetadis li senespere, kaj ekrigardis malsupren, kie brilis Dnistro. Kaj ĝojo speguliĝis en liaj okuloj. Li rimarkis, ke el post arbusto videblas kvar boatoj, kunprenis la tutan voĉforton kaj laŭte ekkriis:

– Al la bordo, kuru al la bordo, knaboj! Malsuprenrajdu laŭ la submonta vojeto, maldekstren! Ĉe la borto staras boatoj, prenu ĉiujn por ke ne estu persekuto!

Ĉi-foje vento ekblovis en alian direkton kaj ĉiuj liaj vortoj estis kaptitaj de la kozakoj. Tamen, pro tiu konsilo li tuj ricevis bategon per hakildorso kontraŭ la kapo, kiu tuj renversis ĉion en liaj okuloj.

La kozakoj ekrajdis laŭ la submonta vojo rapidege, kvazaŭ vento, sed ankaŭ la persekutantoj ekrapidis. Vidas la kozakoj, ke la vojo estas tro sinua, tro longa. "Hoj, kamaradoj! Misa vojo!" – diris ĉiuj, haltis por momento, levis siajn skurĝojn, ekfajfis – kaj iliaj tataraj ĉevaloj, saltinte de sur tero kaj etendiĝinte en aero, kvazaŭ serpentoj, superflugis la profundaĵon kaj plaŭdofalis en Dnistron mem. Nur du el ili ne atingis la riveron, falegis de la altaĵo sur ŝtonojn, pereis kune kun la ĉevaloj, sen krio, sen veo. Sed la ceteraj jam naĝis kun la ĉevaloj en la rivero kaj malligis la boatojn. La poloj ekstaris super la profundaĵo, mirante pri la aŭdaca kozaka ago kaj pensante: ĉu postsalti aŭ ne? Nur unu juna kolonelo, vigla, varmega sango, frato de la belega polino, kiu fascinis kompatindan Andreon, sen longe pensi ĵetis sin kun la ĉevalo post la kozakoj: turniĝis en aero trifoje kaj falis kun sia ĉevalo ĝuste sur akrajn rokojn. La akraj ŝtonoj disŝiris lin, pereinton en abismo, je pecoj, kaj lia cerbo, miskita kun la sango, aspergis la arbustojn, kiuj kreskis sur la malglataj muroj de l' profundaĵo.

Kiam Taraso *Bulbo* rekonsciiĝis kaj ekrigardis Dnistron, la kozakoj jam okupis la boatojn kaj remis per tuta sia forto; kugloj flugis post ilin, sed ne atingis. Kaj la ĝojaj okuloj de l' taĉmentestro ekbrilis.

– Adiaŭ, kamaradoj! – kriis li desupre. – Ne forgesu min kaj sekvaprintempe revenu ĉi tien kaj bone diboĉu! Nu, ĉu kaptis, damnindaj polaĉoj? Ĉu vi pensas, ke ekzistas io en la mondo, kion ektimus kozako? Atendu do, venos la tempo, estos la tempo, kaj vi ekscios, kio estas la ortodoksa kredo! Jam nun sentas la foraj kaj proksimaj popoloj, ke el la ukraina tero leviĝas ĝia propra caro, kaj mankos la forto en la mondo, kiun li ne superos!

Kaj la fajro jam grandiĝis, jam voris liajn krurojn, jam ronĝis la arbon… Sed ĉu ekzistas en la mondo tiaj fajroj, torturoj kaj tia forto, kiu superos la ukrainan forton?!

Granda rivero estas Dnistro, multas en ĝi golfetoj, densaj kanejoj, profundaj kaj malprofundaj lokoj; brilas la akvo-spegulo, gakas cignoj, fiere naĝas klangulo, multas skolopoj, numenioj kaj diversaj aliaj birdoj en kanejoj kaj sur la bordoj. Kozakoj rapide navigis per la mallarĝaj boatoj, ritme remis, singarde ĉirkaŭnavigis malprofundaĵojn, timigante la ekflugantajn birdojn, kaj parolis pri sia gvidanto.

*Tradukis* ***Paŭlo MOĴAJEV***

1. Temas pri *Bresta* unio de 1596 inter la katolika kaj ortodoksa eklezioj sur la teritorio de la tiama pola ŝtato. Unianoj (la Unia eklezio ĝis nun ekzistas en Ukrainio, ĝia alia nomo estas greka-katolika eklezio) akceptas la superecon de la papo kaj agnoskas kelkajn katolikajn dogmojn, sed konservas la ortodoksan ritaron.

2. Registritaj kozakoj – kozakoj, oficiale akceptitaj por militservo fare de la pola registaro; iliaj oficialaj taskoj estis gardo de la orientaj limoj de la Pola ŝtato kaj batalado kontraŭ ukrainia liberiga movado. Tamen plejparte la registritaj kozakoj devenis de ordinaraj popolanoj kaj tial dum diversaj ribeloj ili ofte transiris al la ribelantoj.

3. Sejmo – pola parlamento.



# Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres. |
| 18 € | R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo |
| 22 € | 143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen |
| 22 € | Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| 18 eŭroj | |
| BRITIO | David Kelso, 5 Craigenhill Road, |
| 22 € | Carluke, ML8 4QT |
| ĈEĤIO | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1, |
| 14 € | CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. |
| 22 € | 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & |
| | +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO | Al la ĉefo (apuda paĝo) |
| 22 € | + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, |
| | 75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven |
| 22 € | Wiclefstr.9, D-10551 Berlin |
| | Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa |
| (Eŭskio) | 20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio) | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008 |
| 21 € | 08200 Sabadell |
| HUNGARIO | Besenyei Anna, Szerémi ùt 21 IV 20, |
| 14 € | HU-1117 Budapest |
| ITALIO | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 |
| 22 € | Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16 |
| 22 € | Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO | Yves Bellefeuille. |
| 33,2 CAD | 2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic |
| 14 € | Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb |
| | + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO | LitEA, p. k. 167 |
| 14 € | LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 |
| 22 € | Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO | Jerzy Handzlik, |
| 14 € | 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUSLANDO | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, |
| 14 € | k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 |
| 22 € | SE-242 35 Hörby |
| USONO | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129, |
| 27$ | EL CERRITO, Cal. 94530 |

aviadile aldonu 1 €

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

**La KromKancerKliniko**

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Korespondа debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eiade, trad. I.Oneț... | 4,40 € |

**La KancerKlinikoKrestomatio**

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

**La KancerKlinikoteko**

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |

**Speciala numero**

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

**Malnovaj numeroj de LKK**

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

"**Blazonoj**" estas elĉerpita; eblas gin ricevi rekte de Serge Sire (sen rabato): 85 imp. des Fées, F-74330 Sillingy

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj la 4 kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

**Libroj** (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

**Muzika Kulturo.**

*fff*

Kavaliro, pri viktimo
agu sen fiktimo !

Tio estas komenca ripet-signo.









Tio indikas legendan parton en la tri unuaj ripetadoj, sed saltendan en la 4a

1a, 2a, 3a










tio estas fina ripet-signo.



tio signifas ke vi relegu de la komenca ripet-signo...



4a (*)

(*) Kompreneble, tiun nombron, vi rajtas ŝanĝi laŭ via fantasmemo....

Tio ebligas eliri el la ripetado







Dankon LKK ! La nura gazeto, kiu kulturigas muzike per stultaĵoj !

sed poste, ĉu kun tiom da papoj ?

30jara! Nu ! post 3 jaroj vi lin egalos !

Egaleco, egaleco....
Nu, mi bonvolas demeti la supron,
sed mi ne surmetos dornan kronon !

Kiu 'stas tiu ulo kiu alparolas Lepuilon ?

Ne scias...mi lin trovis sur la reton...



Ideoj por Julo-donacoj !

tute hazarde elektitaj !
















La KancerKliniko n°120 oct.nov.dec 2006
Directeur Jacques Le Puil 18210 Thaumiers France
Imprimé par nos soins.